ilei

Driemaandelijks tijdschrift. Afgiftekantoor: Antwerpen X.
ISSN 1013-2031
Jarkolekto 29 - trimonata

4/99

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Organo de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj

**Redaktoro:**
Jozefo Németh

**Vicredaktoro:**
Katalin Smidéliusz

**Kunlaborantoj:**
Stefan MacGill,
Johano Kirsch,
Françoise Noireau,
Atilio Orellana Rojas,
Franz-Georg Rössler

*Indiĝenaj Popoloj estas la kuratoroj de netrotakseblaj naturaj kaj kulturaj valoroj. Ili estas ankaŭ la portantoj de esencaj saĝo kaj scio. Kaj tamen tre malmultaj registaroj konsideras ilin egalrangaj partneroj, aŭ eĉ nur respektas iliajn elektojn aŭ apogas iliajn aspirojn. La daŭranta ruinigo de iliaj vivmedioj, iliaj lingvoj kaj iliaj mondoj, domaĝas al ni ĉiuj. La Jardeko por la Indiĝenaj Popoloj, proklamita de UN (1995-2004) ŝajnas ne bremsi tiun negativan evoluon.*

***Malgraŭ tio, la Organizoj de Indiĝenaj Popoloj atingis rimarkindajn rezultojn dum la pasintaj jaroj!***

*Indiĝenaj Popolaj devis ĉiam batali por siaj rajtoj. Ĉie en la mondo, ili staras antaŭ similaj viv-minacaj defioj. Multaj Organizoj de Indiĝenaj Popoloj nun kunlaboras por teksi tutmondan reton, por inversigi la tajdon de detruo. Ili konscias, ke pli intensa interŝanĝo de informoj, scioj kaj spertoj grave akcelus la divastigon de kreemaj kaj efikaj alternativoj kaj tiel grave utilus al ili ĉiuj. Tamen, libera komunikado inter Indiĝenaj Popoloj estas ankoraŭ limigita.*

***Antaŭhistorio de la ID-projekto***

*Joses Carlos, brunka indiano matenmanĝas kun Bessie Schadee kaj Sylvain Lelarge en Wassenaar (Nederlando) en la belega salono de ilia privata lingvolernejo.*

B.: Kiu povus esti la plej granda helpo por la indiĝenaj popoloj?

J.C.: Se ni havus komunan lingvon, ni multe pli bone povus kunagadi....

*Kaj tiam kiel vizio aperis la bildoj de la ID-projekto....*

***Farendaĵoj:***

*Krei fonduson, kontakti la koncernajn instancojn, sendi centojn da leteroj, faksoj kaj telefonvokoj, serĉi okazon renkonti la indiĝenojn, elekti el inter ili reprezentantojn por la trejnado, trovi lokon, tempon, instruistojn, komputilojn, sponzorojn, ellabori la programojn, studmaterialojn, pretigi la instruhelpilojn, ekkrei la hejmpaĝojn, trovi........ monon, aĉeti flugbiletojn, serĉi bonvolajn eksterajn kunlaborantojn, tradukigi kantojn kaj tekstojn al la pontolingvoj, aranĝi la lingvolernejon kaj trejni la kunlaborantojn, prepariĝi por la interkulturaj difenecoj... manĝi kaj ripozi antaŭe .... iri al la flughaveno.... ja alvenas la unuaj partoprenantoj...*

***Kion ni celas?***

***La projekto ID celas fortigi la Organizojn de Indiĝenaj Popoloj, disponigante al ili la***

*rimedojn por plena kaj rekta komunikado inter ili.*

***La kombino de Esperanto kaj modernaj komunikadaj sistemoj malfermos vojon por optimuma uzo kaj solida vastigo de internaciaj indiĝenaj retoj.***

*Por atingi altkvalitan komunikadon je malaltaj kostoj, la kontaktpersonoj de Organizoj de Indiĝenaj Popoloj devus lerni:*

- ***paroli kaj skribi Esperanton flue***
- ***uzi retpoŝton kaj la ID-TTTejon efike***
- ***enkonduki la uzon de tiuj kapabloj interne de siaj Organizoj.***

*Por ebligi tion, la projekto ID ofertas tri-semajnajn kursojn kun utiligo de la plej bonaj instrumetodoj.*

***ID esperas trejni 250 delegitojn antaŭ la jaro 2005.***

****

La unua kurso por 22 partoprenantoj okazis en Nederlando **de la 29a de aŭgusto ĝis la 19a de septembro 1999.**

**La programojn estris** la iniciintoj: Bessie Schadee kaj Sylvain Lelarge, **instruistoj estis:** Antonio Leoni, Aleksandro Melnikov, Katalin Smidéliusz kaj Atilio Orellana Rojas, kaj senlace helpis en la ĉiutagaj taskoj la kunlaborantoj de Narwal instituto kaj lokaj volontuloj.

**Alvenis lernemuloj** el Papuo Nov-Gineo, Maroko, Ruando, Burkino, Usono (Alasko), Rusio, Kosta-Riko, Gvatemalo, Ĉilio, Barato.

**La ĉefa celo** de la unua semajno estis la lernado de Esperanto, dum la aliaj du semajnoj la partoprenantoj lernis uzi komputilon, korespondi per la reto, krei hejmpaĝojn, kaj diskutis pri diversaj seriozaj temoj, kiuj rilatis ilian kulturon, indiĝenajn problemojn.
Dum la dua semajno ili jam kontaktis siajn onklojn (geesperantistoj el Danio, Finnlando, Francio, Gvatemalo, Hungario, Kanado, Katalunio, Kosta-Riko, Nederlando, Rusio, Svedio, Usono) kiuj el la ekstera mondo helpis traduki iliajn studojn pri propraj kulturoj, kaj poste entreprenis sekvi ilian progreson, amikiĝi kun ili tra la reto.

**Jen fragmento de la informletero, sendita fine de la unua semajno al la geonkloj:**
*La etoso jam de la komenco estas multe pli bona ol ni antaŭvidis.*
*La personoj estas tiom afablaj, malfermiĝemaj kaj amikiĝemaj, ke ili relative rapide sukcesis venki la hejmajn kutimajn moralajn tradiciojn, libere alproksimiĝas unu al la aliaj, kaj volonte intermiksiĝas dum la paŭzoj, individuaj laboroj, ktp...*
*Estas mirinde vidi kiom ili klopodas interkomuniki en Esperanto, eĉ tiam, kiam ili evidente havus alian, pli bone konatan komunan pontolingvon.*

*Multe kontribuis al tio la kurskomenca Sankta Fajro, ĉe kiu ĉiu salutis la grupon en sia nacia lingvo, sen traduko, kun multe da emocioj....*

*Ĝenerale la matena instruado komenciĝas je la 9a horo, ofte ni estas kune ĉiuj, en kvar lingvogrupoj, okazas komunaj sesioj, kelkfoje por (mal)etaj taskoj ni formas grupetojn, ĉiam ĉeestas tradukistaj instruistoj por ĉiu lingvo, kiuj kunlaboras, kunagas, se necese interpretas en la kvar pontolingvoj; angla, franca, hispana, rusa. Por ĉiu tago ili havas 5-8 paĝan tekston en Esperanto kaj paralele en la pontolingvo, kiun ni prilaboras laŭ la sugestopedia metodo, la esperanta versio estas laŭtlegata (ofte kun muziko) kaj ili povas ŝtelrigardi la tradukojn por sekvi la enhavon, kiu lingve tute ne estas simpla, kaj enhave estas kaj morala, kaj instrua, temas pri saĝoj, pri la vivo de indiĝenaj popoloj, ktp...*

*Okazas ankaŭ formala instruado, sed ĉio per tre aktiviga metodo, eĉ ne unu minuton ili povas resti senatente.*

*La forfuĝantaj rigardoj je la unua metro certe alfrontas iun gramatikaĵon, iun dekoraĵon, per kiuj ni plenigis la murojn, kaj ĉiun liberan spacon. La po-paraj dialogoj estas tre ŝatataj de ili, kiam post la preparoj ili mem elektas partnerojn kaj ekzercas laŭte la tekstojn en granda brua ĥaoso. .*

*Ili tre ŝatas ankaŭ la kantojn, kaj ĉi tie mi danku vin pro la helpoj, ja havi la tekstojn en E-o kaj en ĉiuj lingvoj estas ankaŭ via merito. La liston de la plej popularaj kantoj (ĉu POP-o-listo?) estus ankoraŭ tro frue anonci, sed en la unua loko staras Gvantanamera....*

*Okazas instruado ankaŭ posttagmeze (sed fakte ĉie kaj ĉiam dum la tago kaj nokto) kun iom da paŭzoj.*

*Vespere ni havas naciajn vesperojn, lunde tiu de la franceparolantoj, marde la hispaneparolantoj, merkrede la ruseparolantoj kaj ĵaŭde la angleparolantoj. Mi travivis dum tiuj vesperoj la plej belajn horojn kiujn mi ĝis nun spertis en internacia medio.*

**Ĉu vi povas imagi...KIEL..**

- *dancis nia Don Ĥuano, la junulo el Maroko por plaĉi al la junulinoj, kaj kiom embarase li montris sian multekostan subpantalonon por la ĉeestantoj prezentante sian kostumon?*
- *kortuŝe estis aŭskulti la klarigon pri la tri goriloj (blindaj surdaj kaj mutaj se temas pri afrikaj problemoj kaj genocido) de la ge-ruandanoj,*
- *ĉarme kaj lerte ludis per ostetoj la bele vestitaj, tre inteligentaj tuaregaj junulinoj el Burkina Faso, en kies landoj la analfabetismo de inoj estas pli granda ol 90 procenta,*
- *emocie parolis el Centra Ameriko majaoj, kaj el inter ili kakĉikeloj; Loida klarigis la motivojn de sia vestaĵo, Ruben bonege gitarludis kaj deklamis poemon, kiun ĉiu plene komprenis kaj travivis danke al la emociplena prezentado kaj la universala temo (amo)*
- *la brunkoj rakontis pri tio, kiel iliaj gepatroj estis punataj se ili provis paroli sian patrinan lingvon en la lernejo...,*
- *samioj (en norda Rusio) kiuj inventis la skiojn, havas 6-8 monatojn neĝon kaj malvarmon, dum ses monatoj nur sunon kaj poste nur malhelon, kiel ili montris vestaĵojn, faritajn el la felto kaj de boaco kaj la afrikanoj tute ne komprenis kiucele ili bezonas tiujn aferojn*

- *belan robon havis kaj dancis ŝor-ino, kiu venis el la proksimeco de Mongolio,*
- *komio reprezentanto prezentis legendon kaj desegnaĵon pri la origino de la popolo, aŭdigis muzikon kaj ĉion akompanis belega ekspozicio de man-artaĵoj*
- *kortuŝe povas esti partopreni b(H)aratan vesperon kun kandeloj, preĝsalutoj al la gravuloj (Bessie, Sylvain kaj la maljuna kaj respektata persono el Garasio) kaj rita dancado de manipuroj, el kiuj la fraĝila virino ĉarme kaj inteligente parolis pri la indiĝena movado en Hindio/Barato*
- *konvinkite, ke temas pri nur sia nacia kanto, Siddaraj en la garasia lingvo kantis al ni la kanton "Ni venkos...." We shall overcome.."*
- *la geviroj el Papuo Nov-Gineo preskaŭ fortimigis la publikon, ja Snam enkuris la ĉambron kun forta ĉas-krio, kun sagoj pafpretaj, preskaŭ nuda, pentrita, ornamita per hund-dentoj (montras riĉecon, kontraŭ kiu li povus aĉeti plurajn edzinojn, sed havas nur unu!!! kaj ne volas pli), konkoj, el arba ŝelo farita "jupo", plumaro sur kape; Sarah same en manefarita vestaĵo, el-ŝnura jupo, surkape plumaro... Ili dancis, kaj rakontis interesajn aferojn pri siaj vestoj, kutimoj, respondis al la tre scivolaj demandoj de la publiko,*
- *imprese sonis la :"Ekstere kanto" (kantita de ekstero) de la malpli kaj malpli silentema tlingita indiano, kiu tute solviĝis parolante pri sia kulturo, la vivo kaj leĝoj de la alaskaj triboj, pri sia "Korvo-triboklano", kiom bongustaj estis la de Alasko kunportitaj salitaj salmoj kaj konfitaĵo (ne salita!!),*
- *Krom jam uzi la lingvon, ili pritraktas multajn gravajn demandojn, kunlaboros kunkreados....*

**Kelkaj klaĉoj:**

- *Clotilde (el Ruando) unuan fojon en la vivo provis bicikli, sed ŝi bezonas ankoraŭ trejnadon*
- *El Makhtar el Maroko, kiu opinias ĉiun virinon tre bela, elektis publike la blondan altan samean junulinon la plej bela.*
- *Raymond (el Alasko) sendis unuan fojon ret-mesaĝon (respondo atendadas)*
- *Tingloj el Barato unuan fojon vidis videobendon (Goriloj en la nebulo - Diana Fossey)*
- *Clotilde ĉi-vespre elkuris el la salono kaj konsternite diris al mi: Katalin, malnova persono... kun longaN malnigra barba"*
- *Halimatou (el Burkina F.) ekscite atendas la unuan renkontiĝon kun la maro....*
- *Katalin (mi) ricevis inviton al Papuo N.G. kaj mi vere ne devas timi, ja oni manĝis (kaj malofte manĝas) NUR malbonajn blankulojn.... , kaj eble hundojn...*
- *Fati (el Bukina F.) sopiras je SIA dezerto kaj bone (eble la plej bone) scias la diferencon inter tio kaj la deserto.*
- *Gaspard (El Ruando) havis dentodoloron, Sylvain akompanis lin al la dentisto, sed traktadon fine bezonis ne la lernanto, sed nia kolego*
- *Gaspar ne havas hejme fridujon (ne necesas en Ruando laŭ li) kaj bedaŭrinde ne havas*

*televidilon, sed lerte majstras komputiladon kaj en la malmultaj liberaj minutoj volonte sidas apud El Mokhtar kaj helpas lin lerni kiel uzi tiun misteran aparaton.*

- *En la najbara ĝardeno oni kultivas kukurbojn kaj havas azenon, kiun Fati provis rajdi, sed la azeno estis obstina kaj ne ekmarŝis ........je granda ĝojo de Fati*
- *Ruben (kakĉikelo el Gvatemalo) ŝatus vivi en norda Rusio ĉe sameoj, sed nur dum la vintro, ja li tre ŝatas dormi.*

**Veterprognozo:**
*Ĝis nun senpluva, sed ja morgaŭ ni havos ekskurson (per bicikloj!!) al la dunoj kie ni vizitos la naturon (antaŭ ol vidi Hagon kaj la laŭdirite civilizitan mondon sekvontsabate), do ni esperas, ke ankaŭ tiam ne pluvos!!!!*
*Cetere por Siddharaj, Snam kaj Sarah, Fati, .... estas malvarme, necesas puloveroj, dum kelkaj ĝuas la varman veteron kaj eĉ ŝtrumpetojn ne bezonas.*

**Kelkaj aliaj programoj:**
Tuttaga bicikla ekskurso ĉe la dunoj kaj maro kun lokaj helpantoj, vizito de Hago, dutaga studprogramo ĉe komputila centro, gastigo de esperantistoj kaj sponzoroj, komunaj kantadoj, vizito de televida stabo, filmistoj, altrangaj gastoj, senfinaj noktaj babiladoj, matenaj meditadoj ĉirkaŭ la sankta fajro ........ amikiĝoj, spert- kaj adresinterŝanĝoj, .... plorplenaj adiaŭoj..... je unu semajno post la finiĝo de la kurso dekoj da leteroj unu al la aliaj .....kelkaj skribiĝis per la kursfine ricevita portebla komputilo.
Kaj tiu ĉi estis nur la unua kurso, ĝin sekvos ankoraŭ pli malpli 20 ĉar la kompleta vizio estas ke en 2005 jam reprezentantoj de 250 indiĝenaj popoloj povus havi komunan lingvon, havos inter si amikan rilaton, povos komuniki ene de la kunkreita hejmpaĝo kaj ĉion pere de ESPERANTO.

La grandioza projekto por ni ĉiuj donis neimagitajn spertojn surkampe de kunlaboro, interkulturaj diferencoj kaj pedagogiaj spertoj, larĝigis nian mondrigardon kaj konojn pri la mondo, evoluigis niajn, empatiajn sentojn.

Por ĉiuj partoprenantoj estos poreterne **neforgesebla ero de la lasta vespero:**

La partoprenantoj formis cirklon kaj ili ricevis fadenbobenon, kies finon ili fiksis je sia fingro. Ĉiu devis alvoki iun en la cirklo kaj ĵeti al li/ŝi la bobenon. Tiu same faris kaj pluĵetis ĝin... Ene de du minutoj formiĝis fadenreto kiu trateksis la tutan cirklon. Sarah el Papuo Nov-Gineo alvokis ankaŭ sian onklinon kaj same faris ankaŭ la aliaj, image kontaktante siajn e-istajn helpantojn. Tingoj el Barato prenis la libron, ricevitan donace de Osmo Buller, alkuris al la mezo de la reto kaj desube levis alten la maldikan eldonon de "Homaj Rajtoj". Estis kortuŝe kaj simbole tre grave vidi kiel ili povos

kontaktiĝi en la estonteco helpe de la moderna tekniko, tra la komputila reto. Kaj en novembro venos indiĝenoj el i.a. Barato, Indonesio, Maroko, Kosta-Riko, Meksiko, Niĝero, Peruo....................

<u>**Por pli da informoj kaj helpproponoj por la sekvaj kursoj bonvolu kontakti:**</u> Sylvain Lelarge, tel: 00 31 70 51 77 523, fakso: 00 31 70 51 766 82, retpoŝto: sylvain.lelarge@usa.net aŭ Katalin Smidéliusz: smidik@fsd.bdtf.hu

*Katalin Smidéliusz*



*NdlR: Kiel mi povas trakti konfliktojn produktive kaj senstreĉe en mia laboro kiel instruisto, edukisto aŭ pedagogo? Kiel mi povas uzi konfliktojn en la klaso aŭ en la grupo kiel pedagogian ŝancon por ŝanĝi la konfliktan konduton ĉe infanoj kaj junuloj? Kiel povas ekesti nova konflikta kulturo en lernejoj aŭ pedagogiaj ejoj? La sekva kontribuo estas la unua artikolo de planita serio, kiu traktos la kampon de konstruiva konflikta prilaboro. La nuna donas bazajn informojn pri konfliktoj. La posta kontribuo traktos la metodon mediaciado. La tria parto priskribos projekton, en kiu oni edukas infanojn en lernejoj, por ke ili estu perantoj en konfliktoj. Ekzercojn, kiujn oni uzas en diversaj programoj por bredi konflikt-perantojn, vi trovos en la kvara parto.* ***Sabine Trenner****, social-pedagogo, verkas tiujn kontribuojn. Ŝi specialiĝis pri konflikta manaĝerado kaj mediaciado. Ĝuu la konfliktumadon dum la sekva jaro! Ek, ni konfliktu!*

## Sabine Trenner:
## **Traktado de malŝatata ĝenaĵo: Vivu la konflikto!**

KVERELO kaj PERFORTO estas multe diskutataj temoj en la nuna tempo. Aŭdeblas ne malofte la riproĉo, ke en la lernejoj oni ne sufiĉe faras por eviti postajn violentajn agojn. Peri formojn de konstruiva konflikta prilaboro postulas la moderna edukado. Tial necesas kaj havas sencon por la nuntempa pedagogia profilo okupiĝi pri konstruiva konflikta kulturo. Konfliktojn ni ofte rigardas kiel minacan, detruivan, dolorigan ĝenaĵon. Sekve multaj klopodas eviti ilin. Sed se ĝi ne solviĝas, ĝi povas finiĝi en grumblaĉoj aŭ/kaj fortojn postulanta batalo. Tia kverelego plifirmigas la negativan rigardon al konfliktoj. Sed aliflanke normalas, ke tie, kie kunas homoj, aperas konfliktoj. Mondo sen konfliktoj estas utopio. Kia enuo! Imagu la tombejan trankvilon! La elira tezo de tiu ĉi kontribuo estas jena: ne la konfliktoj estas la veraj problemoj, sed la maniero, kiel trakti ilin. Konflikto estas signo, ke io ne plu estas en ordo, ke necesas ŝanĝo. Ĝi estas ŝanco por evoluo kaj plibonigo de interrilatoj. Ĉu tiun ŝancon oni uzas, dependas de tio, kiel oni solvas la konflikton. Sed ni ja scias, ke por la koncernitaj konfliktuloj tre malfacilas trovi per interparolado la solvon por la kverelo; tro multe ilin regas emocioj aŭ ilin bremsas la timo perdi la vizaĝon. Ĉu sak-strata situacio?! Antaŭ ol prezenti formojn de konflikta prilaboro ni iomete teoriumu.

**Konfuzo pro konflikto**

Sociala konflikto estas interago inter agantoj (...), en kiu almenaŭ unu el la agantoj travivas malakordiĝon en pensado/imago/perceptado kaj/aŭ sentado kun la alia(j) aganto(j), kaj dum la kunagado okazas malhelpo farata de unu aŭ pluraj aliaj agantoj. [laŭ Glasl, p. 14/15]

**ĝuDetruiva konflikta traktado**

Konata afero: kvereletoj komence, poste personaj insultoj: jen ĝi kreskas, la konflikto. La diversaj rigardo-perspektivoj pri certaj problemoj iĝas riproĉoj kontraŭ la alia persono kaj donas informojn pri ĝia karaktero, ĝiaj intencoj kaj motivoj. Anstataŭ trakti la komunan problemon, oni vidas en la alia persono la problemon.




*bildo 1: La alia persono estas rigardata kiel problemo (grafikaĵo de Mathias Neumann)*

En la plej multaj konfliktoj la enhavoj ŝanĝiĝas, kiam la konflikto plifortiĝas. Komence estis nur unu problemo, sed pli multaj kaj aliaj aperas. La interparoladoj pri la problemoj iĝas pli senkonkretaj kaj ĝeneralaj. La problemoj prosperegas donante senton de konfuziĝo kaj sensolveblo. Finfine la komunikado iĝas pli nerekta kaj neakurata. La kontraŭuloj ne plu havas tiom da kontaktoj unu kun la alia, sed pli kun homoj, kun kiuj ili interkonsentas. Kun la kreskanta intenso kaj la emocia konfuzo kunas la malaperanta kapablo aŭskulti kaj komuniki. Kontentigajn rezultojn oni ne plu atingas. La konflikto finas en sak-strato, neelirebla por la kontraŭuloj sen helpo de ekstere.

**Konstruiva konflikta traktado**

*bildo 2: De nekontentiga al kontentiga konflikta sistemo – laŭ Ury*



Konstruive traktadi konfliktojn signifas serĉi solvon por la problemo sen ataki la personon de la alia flanko. Ĉiuj koncernuloj transprenas kune la respondecon pri la problemo kaj komune serĉas solvon.



*bildo 3: La problemo estas ekkonata kaj ili kune solvas la komunan problemon.*

Same kiel diferencendas inter homo kaj persono validas diferenci inter pozicio kaj intereso. Pozicio, aŭ pli konkrete la firmiĝintaj imagoj kiel oni solvu la problemon, ofte ne kongruas. Interkonsenti tial ŝajnas esti ne ebla. Sed la bazaj interesoj - kaj tiuj finfine gravas - povas esti solvataj diversmaniere. Kiam ĉies interesoj estas videblaj ili eble generas solvojn, kiuj plenumas la interesojn de ĉiu flanko.

*Du fratinoj kverelas pri oranĝo. Ambaŭ volas havi ĝin. Finfine ili interkonsentas duonigi la frukton. Unu prenas sian duonon, manĝas la fruktaĵon kaj forĵetas la ŝelon. La alia forĵetas la enaĵon kaj uzas la ŝelon, ĉar ŝi volas baki kukon helpe de ĝi.*

La anekdoto montras, ke ne ĉiam el arbitracia decido sekvas kontentiga solvo. Ĉe tiu ekzemplo montriĝas, ke eĉ el diversaj interesoj povus sekvi optimala solvo, se la pozicioj MI VOLAS LA ORANĜON ŝanĝiĝus al esprimo de interesoj MI VOLAS MANĜI LA FRUKTAĴON; MI VOLAS LA ŜELON POR BAKI. Sciante la interesojn pli facile eblas trovi komunan solvon, pli bonan. La procedo de konstruiva konflikta prilaboro kontentigas ambaŭ flankojn kaj tial plibonigas la interrilatojn.

Ofte en konfliktoj temas ne pri la surfaca, videbla temo, sed pri io, kio jam pasis, sed ne estis prilaborita. Eble temas pri miskomprenoj, bataloj por akiri potencon ktp. el antaŭa tempo. Necesas akrigi okulojn, orelojn kaj sentojn por percepti la verajn fonojn de tiuj akutaj konfliktoj. Tamen ni ne traktu la personecajn problemojn (tion ni prefere lasu al terapiistoj kaj psikologoj), sed nur la konfliktajn fonojn, kiujn ni povas solvi per konstruiva konflikta prilaboro. Iliaj ĉefaj fonoj estas jenaj:

– diversaj interesoj kaj bezonoj (vidu la oranĝo-ekzemplon)
– vunditaj sentoj, emociaj interesoj (ekz. deziro akiri aprobon, laŭdon)
– ĝenitaj interrilatoj (ekz. pro dependecoj aŭ diversaj potencoj)
– intrapersonaj problemoj (ekz. troa ordemo, troa hontemo, timoj)
– diversaj valoroj (ekz. pri libereco)
– miskomprenoj, komunikaj miskomprenoj, mankantaj informoj kaj el tiuj sekvaj diversaj rigardo-perspektivoj
– strukturaj kondiĉoj (ekz. distanco, mediaj kondiĉoj, politika subpremo, ekonomia maljusteco).

*bildo 4: Multaj kialoj kunas (kaj la videblaj kaj la fonaj), sed videblas ofte nur tiuj, kiuj akutas.*



La diversaj fonoj interrilatas kaj influas reciproke unu la alian. Tiel miskomprenoj kreas negativajn sentojn, generas aferajn konfliktojn, malhelpas al normalaj interrilatoj. Tial ofte la elira kialo por la videbla konflikto estas nura duagradaĵo, ankaŭ aliloke ĝi en aliaj cirkonstantoj verŝajne iam videblus. Sed aliflanke necesas ĝin trakti, ĉar ĝi esprimas akutan problemon, kiu bezonas solvon.
Tiun reciprokan influon kaj dependecon de la konfliktaj faktoroj ni ofte spertas kiel "diablan cirklon". Ĝi tamen enhavas la ŝancon, per ŝanĝo de unu aŭ pluraj faktoroj pozitive influi la aliajn problemojn. Do, ŝanĝo de unu komponento influas la tutan konstruon de la sekva modelo *(vd. bildon 5)*:




**De batalo de la argumentoj al kreo de novaj solvoj**

Ĉu la problemo solvendas tuj sur ĝia videbla tereno aŭ ĉu necesas trakti unue la fonajn kialojn dependas de tio, kiam la solvo de la afera konflikto ne plu prokrastigeblas. Normale, dum diskutoj/argumentadoj pri la pro aŭ la kontraŭo de iu afero, aperas jena malavantaĝo: poluseco de la konflikto. Sekve unu flanko gajnas, la alia malvenkas.

***Sukcesas la pli forta pozicio, ne nepre la pli bona.***

La metodo de **argumentado** kreas: plifirmiĝon de ĉiuj frontoj, eviton de novaj ideoj, malsamaj al tiuj, kiuj estas en la kverelo jam diritaj, uzadon de tempego, energio, kostoj, kreemo por malplifortigi la ideon de la alia poziciulo, anstataŭ investi en plibonigon de ideoj.

Ebla alternativo estas la **intertraktado**. Ofte tiu intertraktado finiĝas en iu kompromiso. Oni moviĝas ene de iuj donitaj limoj anstataŭ krei novajn. Nu, intertraktadi pli taŭgas ol kvereli, sed ekzistas pli bonaj alternativoj. Unu el ili estas la problemsolvado. La kialojn oni izolas, ŝanĝas aŭ malaperigas. Sed en kompleksaj situacioj ekzistas multaj alternaj faktoroj, kiuj kune kreas la problemon. Ĉe tiu metodo danĝeras, ke oni traktas nur unu kialon, ĉar ĝin oni facile povis identigi, kaj ne plu atentas la aliajn.

**Disvolvado de solvoj** estas metodo por krei novecajn solvojn por kompleksaj problemoj. Dum argumentado, intertraktado kaj problemsolvado fokusas kio jam ekzistas, disvolvado de solvoj rigardas antaŭen al tio, kio kreendas. Naskiĝos solvo, kiu antaŭe ankoraŭ ne estis. Dum la procedo de tiu metodo povas okazi devojiĝoj, provokoj, neregula evoluigado. Gravas, ke la rezulto estas malferma, ke la vojo al la celo ne estas barita pro daŭraj logikaj pravigoj kaj kontroloj. Gravas, ĉu la rezulto plenumas sian celon aŭ ne. Tiu ĉi metodo konformas kun la celo de konstruiva konflikta prilaboro. Jen flankon ĉe flanko la kontraŭuloj kune serĉas solvon por la komuna problemo kaj eblas por ili trovi eĉ novajn, nekutimajn solvojn.

**Mediaciado**: ĝiajn bazojn kaj regulojn mi prezentos en la sekva artikolo. La aliajn konfliktsolvajn metodojn, kiuj estas arbitrecaj, ni ne traktos en tiu ĉi kunteksto. Povas esti, ke vi nun grumblaĉas al mi dirante, ke tamen juĝejoj havas siajn rajtojn ekzisti kaj ke arbitra solvo certe ne malofte trovas bonan solvon. Nu, estu tiel.

Por ŝpari argumentojn kaj tempon mi proponas elprovi/fari jenan ekzercon/ rolludon, kiu daŭros dudek minutojn kaj pli klarigas ol kvindekpaĝa skriba teksto:
Kreu grupon konsistantan el tri personoj. Du (A kaj B) estas geedza paro, kiu divorcas. C estas persono, kiu decidas en via kverelo, respektive en la dua etapo helpos al vi trovi solvon.

Dum la unua etapo C ne rajtas demandi, ne komentas, ne klarigas, nur aŭskultas kaj post la aŭskultado de la argumentoj de A kaj B decidas. Ankaŭ poste C ne klarigu, kial li/ŝi tiel decidis. Sed C devas decidi kaj finfine doni la pravon (kaj la vitrinon) al unu el la du kontraŭuloj! Vi (A) kaj via partnero (B) eble dum la geedziĝa vojaĝo al Romo aĉetis kune belegan, malnovan vitrinon. Vi volas eksedziĝi. Ĉiuj aferoj jam estas klarigitaj, la aĵoj disdonitaj, infanojn kaj domon/monon, riĉaĵojn vi ne havas ... nur pri la vitrino vi ne trovis interkonsenton. A kaj B nun dum kvin minutoj provu argumentante konvinki C, ke tiu donu al li/ŝi pravon kaj la vitrinon.
Dua etapo. Restu en viaj roloj. La problemo estas la sama. Denove dum kvin minutoj vi argumentu, sed nepre kun la celo, trovi komunan solvon. Diferenco: C nun rajtas demandi (sed ne komenti!) kaj ebligas al ambaŭ la samrajtan ŝancon diri la argumentojn. Poste C iom retiriĝas el la diskuto kaj donas al A kaj B la eblecon, trovi la propran solvon. C nepre ne havu iun ajn ideon, kiel solvi la problemon, nek donu konsilojn, nek faru proponojn!
Tria etapo: kune diskutu la manieron, laŭ kiuj la decidoj estis faritaj. Traktu jenajn demandojn:

- Kio al vi en la unua etapo plej plaĉis, kio plej ĝenis?
- Kiaj estis la diferencoj inter la dua kaj la unua etapoj?
- Ĉu ĉiu havis la saman ŝancon prezenti siajn argumentojn?

- ♦ Kio helpis, kio malhelpis?
- ♦ Kiajn sentojn vi havis, kiam post la unua etapo estis farita la decido?
- ♦ Kiajn sentojn vi havis, kiam vi en la dua etapo serĉis komunan solvon?
- ♦ Kiel sentis C, kiam li/ŝi ne povis demandi aŭ komenti en la unua etapo?
- ♦ Kiel vi trovis decidon en la dua etapo?

**Uzita literaturo:**

*C. Besemer: Mediation - Vermittlung in Konflikten. Freiburg 1995*

*E. De Bono: Konflikte. Neue Lösungsmodelle und Strategien. Düsseldorf 1989.*

*F. Glasl: Konfliktmanagement. Ein Handbuch für Führungskräfte und Berater. Bern/ stuttgart 1994*

*K. Faller, W. Kerntke, M. Wackmann: Konflikte selber lösen - Mediation für Schule und Jugendarbeit. Mülheim 1996*

*R. Fisher, W. Ury: Das Harvard-Modell. Sachgerecht verhandeln - erfolgreich verhandeln. Frankfurt a. M.- New York 1984*

*C.R. Mitchell: The structure of international conflict. London 1981*

*W.L. Ury, J.M. Brett, S. Goldberg: Konfliktmanagement. Wirksame Strategien für den sachgerechten Interessenausgleich. Frankfurt/New York 1991*



*Surfote: Sabine Trenner gvidas mediaciadon en Berlino 1997*

# Márta Kovács:
# Interretaj helpoj en la instruado de Esperanto

*Materialo de kunveno dum la Metodika Seminario, ligita al la 33a Konferenco de ILEI, Karlovy Vary (Ĉeĥio) la 9-an de aŭg. '99*

**Teoria enkonduko**

Interreto estas speciala kanalo por peri informaĵojn (ĉiuspecajn dokumentojn: leterojn, lernmaterialojn, vortarojn, gazetojn ktp.). Ĝi ebligas rapidan traktadon de granda kvanto da informoj por granda publiko kaj relative malmultkoste. Ĝia plej simpla uzo estas la elektronika poŝto. TTT (TutTera Teksaĵo) kunligas diverstipajn informfontojn kaj peras ne nur tekstojn, sed ankaŭ bildojn, movbildojn kaj sonojn.

En la instruado de Esperanto korespondado ĉiam estas grava motiviga elemento, kaj trovi partnerojn estas ĉiam granda problemo. Sur la reto ekzistas pluraj lokoj, kie korespondemuloj sin anoncas. Estas eble korespondi tradicie kaj intime aŭ aliĝi al iu novaĵgrupo, diskutrondo. Tiuj servoj estas atingeblaj per abono je elektronika poŝto. Kompleta interreta abono ebligas aliron al TTT, kie estas jam prezentitaj trideko da kursoj pri Esperanto por diverslingvanoj. La temo de la Metodika Seminario dum la ĉi-jara konferenco estis la analizo de tiuj kursoj por instigi aŭtorojn je plua laboro.

Kial estas gravaj tiuj interretaj materialoj? Unue, ĉar ili estas senkostaj reklamiloj por la lingvo: speciala publiko de gejunuloj en senlima nombro povas renkonti ĝin tiel. Due, se tiu unua renkontiĝo estas agrabla, tuj post la informiĝo oni povas komenci la alproprigon de la lingvo, ne necesas iri al la kursorganizantoj, atendi ekon de nova kurso, ktp. Dum la lernado oni povas profiti el la tradiciaj eroj de la materialo: tekstoj, bildoj, movbildoj, sonmaterialoj, vortaroj, ŝlosiloj — sen la koste limiga kaj amplekse fortimiga trajto de la papera formo. Al tio aldoniĝas eventuale perkomputilaj teĥnikoj aŭ retpoŝta konsultiĝo kaj ĉiukaze la avantaĝoj de la teleinstruado, nome iam ajn, laŭ propra ritmo, el propra hejmo/laborejo estas sekvebla la kurso. Fine, paralele kun la lernado, oni povas tuj ekuzi la lernitaĵojn, kio plumotivas: per la sama fonto — interreto — eblas informiĝi pri aranĝoj, korespondi, legi retgazetojn, partopreni diskutrondojn. Eĉ kvazaŭparola korespondado povas okazi en Virtuala E-Kongresejo, kie oni skribe "konversacias" kun la tiumomentaj ĉeestantoj.

Do la efiko de interreta kursmaterialo povas esti granda, tial estas ege grava la bona kvalito de tiuj materialoj. Estas ĝojige, ke multnombraj esperantistoj malŝparis jam tempon kaj energion por prezenti Esperanton per la reto. Alvenis la tempo, ke profesiaj instruistoj, metodike klerigitaj personoj studu tiun teĥnikaĵon, kaj eventule helpe de komputilistoj, kreu teĥnike kaj metodike altnivelajn paĝarojn.

Por veki la atenton de la instruistaro estis elstara okazo la Metodika Seminario kadre de la Konferenco de ILEI. Danke al la estraraj kaj lokaj organizantoj, la ĉeestantoj

havis la eblon studeti la interretajn instrumaterialojn per lerneja komputilaro. Estas grava paŝo konatiĝi kun la jam ekzistantaj eroj, analizi, pritaksi ilin unue, kaj poste ekverki pliajn, altkvalitajn kaj altirajn lernmaterialojn. Estu nun instigo tiu artikolo por ĉiuj legantoj de IPR. Ek al recenzado kaj kreado!

**Kelkaj proponoj je priJuĝaj vidpunktoj**

I. Teĥnika pritakso

1. Korespondaj kursoj per retpoŝto — estas la nepaperaj formoj de klasikaj korespondaj kursoj, proponas la tradician ligon de instruisto-lernanto sed eluzas la rapidecon de la elektronika poŝto.
2. Kompakt-diskaj aŭ premforme elŝuteblaj kursoj, ekz. Vindoza Kurso de Esperanto verkita de Adonis Saliba (*v. recenzon en la sekva numero*).
3. Rekt-retaj kursoj
    - ĝenerala aspekto (bildoj, movbildoj, koloroj, kadroj ktp.)
    - strukturiteco de la paĝaro
    - ekrano-bildo kaj internaj ligoj
    - ekzercoj/korektoj – uzo de komputilaj teĥnikoj
    - leter-ligo – eblo je sendo de ekzercoj por korektado
    - .zip-formato (kunpremo)

II. Enhava pritakso

1. "Por prezenti Esperanton" (gramatiko, ekzemploj, eventuale ekzercoj, tekstoj)
2. Esperanto por vojaĝantoj - konversacia helpilo
3. Helpmaterialoj (vortaroj, ludoj ktp.) adresojn vidu: *E-rilata programaro kaj *KILL
4. Didaktike prilaboritaj materialoj
    - Nivelo (por komencantoj aŭ progresantoj)
    - Por memlernado aŭ kun tradicia ekstera helpo de korespondaj kursoj
    - Ĉefa metodo
    - Prezentado de gramatiko
    - La rolo, kvanto kaj kvalito de tekstoj
    - Ekzercoj: tipoj, formoj
    - Kultura fono
    - Ĉu ĝi eluzas la avantaĝojn de la teĥniko (ekz. ligoj al fonaj datumbazoj, instigo je tuja ekuzo de la lingvo, aliaj komputilaj teĥnikoj)
    - Ĉu ĝi estas interesa, vivproksima, laboriga ktp.?
    - Kiuj helpmaterialoj estas aldonitaj? (Resumoj, listoj, vortaroj, interretaj adresoj ktp.)

**Kiel trovi interretajn materialojn por la instruado/lernado de Esperanto?**

La interretaj programoj trovas paĝarojn laŭ la URL-linio. Kolekti kaj grupigi tiujn ''adresojn'' estas grava volontula laboro de fanatikuloj. Feliĉe ankaŭ inter esperantistoj ekzistas tiaj homoj, dank'al kiuj oni havas kelkajn bone uzeblajn elirpaĝojn.

**Ĉefaj informpaĝoj:**

http:/www.esperanto.net, http:/www.esperanto.nu
http:/www.webring.org, http:/www.cs.chalmers.se/~martinw/fla-pa

**Utilaj paĝoj:**

La retpaĝaro de ILEI: http:/www.uniroma3.it/lps/esp/ilei/
Adresaro de rete atingeblaj esperantistoj kaj e-organizoj:
http://home.wxs.nl/~lide/esperanto-adresaro.html
Koresponda servo: http://members.aol.com/enrike/ekseo.htm
http://www.esperanto.nu La angulo
Diskutrondoj:http.//www.webring.org/cgi-bin/webring?ring=kunvena;list
news:soc.culture.esperanto
* http://ford.zait.uni-bremen.de/Esperanto/VEK
Kalendaro de E-aranĝoj: http://hungary.net/esperanto

**Listoj de interretaj kursoj:**

http:/www.cs.chalmers.se/~martinw/esperanto/veb/lerni.htm
*(* montras aliajn fontojn atingeblajn de tiu ĉi paĝo)*
* Retkursoj de Esperanto kompilita de KIM Hiongun
* Esperanto-rilata programaro
*http:/www.rano.demon.co.uk/kill.html
*http:/www.cl.cam.ac.uk/users/etg10/kill.html
http:/www.webcom.com/~donh/eaccess/eaccess.courses.html

*Kovács Márta*
*HU-1221 Budapest, Ady E. u. 23-25/c. Hungario*
*kovacsm@s2.berzsenyi.isk.tvnet.hu*

Blazio Vaha (n.s. Wacha):

# Fabel-komencoj

Oni scias, ke fabeloj havas variantojn. Estas sciate ankaŭ, ke iam oni tradukas la samajn fabelojn, eĉ en la saman lingvon, plurfoje; oni scias, krome, ke diversaj fabeloj de la sama regiono aŭ lando ofte havas tre konstantajn kliŝojn de komenco, fino kaj de turnopunkto.

Oni povas ankaŭ rimarki, ke etnolingvajn fabelkliŝojn de vilaĝaj rakontistoj siatempe ne nur registradis folkloristoj, sed transprenadis ankaŭ majstroj – verkistoj kun popolarta inspiro.

Kiam aperas fabeloj en Esperanto, oni kreas kliŝojn strebante al simile plaĉa formo, kian oni havas en la originalo; sed, kelkfoje, oni faras tion konante la Esperantan tradicion nur supraĵe. Tio sama validas ankaŭ pri titoloj klasikaj: sama rakonto aŭ similaj rakontoj kun identa titolo povas fariĝi en Esperanto neĝojinde plurtitolaj. Surbaze de la ĵus tajpitaj magraj ideoj, mi volus kontribui a) al la konsciigo de la jama tradicio de kliŝoj kaj titoloj b) al disvolviĝanta esplorado de la kulturhistorio de Esperanto, per la sube-sekvanta kolekto, enhavanta nenion alian krom fabelkomencajn frazojn aŭ frazo-fragmentojn, kaj - titolojn. La suba laboreto do havas tute rimedan karakteron: mi prezentas ĝin kiel simplan helpilon por diversaj pli fajnaj laboroj – krom esploradon de la historio de la lingvo, mi konsideras, kiel kampon de eventuala utiligado ankaŭ kompiladon aŭ redaktadon de vortaroj. Eble ankaŭ verkadon de fabeloj novaj – iel, iam – ĝi povos influi.

Unue mi prezentos ĉiufoje la komencofrazon, tuj poste, parenteze, la titolon de la fabelo, laŭ la skemo: *la komenca propozicio/frazo de la fabelo* (La titolo de la fabelo).

Sekvu do la fabelkomencoj el *Elektitaj fabeloj* de Jacob kaj Wilhelm Grimm, en traduko de Kabe el 1906, laŭ la teksto reaperinta en la jaro 1985a, eldonita tiufoje de Artur E, Iltis, Sarbrücken:

*Estis antaŭ jaroj reĝo...* (Ora birdo); *Estis iam maljuna kaprino...* (Lupo kaj sep kapridoj); *Estis iam fiŝkaptisto kaj lia edzino...* (Fiŝkaptisto kaj lia edzino); *Estis iam tajloro, kiu havis tri filojn...* (Tablo kovru vin, orazeno kaj bastono el sako); *Estis iam homo maljuna kiel la mondo...* (Maljuna avo kaj nepo); *Estis iam granda milito, kaj post la milito multe da soldatoj estis eksigitaj...* (Kamarado Gaja);. *Estis iam du fratoj, unu riĉa, alia malriĉa...* (Du fratoj); *Estis iam maljuna reĝo...* (Fidela Johano); *Estis iam malriĉa virino, kiu naskis filon...* (Tri oraj haroj de l' diablo); *Estis iam homo, lerta en multaj metioj...* (Sesope oni trairas la tutan mondon); *Estis iam malriĉa kamparano, nomata Kankro...* (Doktoro ĉioscia); *Estis iam juna homo kiu sin dungis kiel soldato...* (Ursa felo); *Estis iam homo, kiu havis tri filojn...* (Tri fratoj); *Estis iam malgranda knabineto, sen patro...*(Steloj, talaroj); *En dezerto inter montoj estis iam malgranda domo... (*Paŝtistino de anseroj apud puto); *En la tempo jam de longe pasinta*

*vivis reĝo...* (Reĝo rano aŭ fiera Henriko); *Apud granda arbaro vivis malriĉa lignohakisto...* (Joĉjo kaj Margenjo); *Ĝi okazis iam en la mezo de l' vintro...* (Neĝulino); *Tajloreto sidis en somera mateno sur sia tablo ĉe la fenestro kaj ĝoje kudris per ĉiuj fortoj...* (Kuraĝa tajloreto); *Foje vespere malriĉa kamparano sidis ĉe la fajrujo kaj miksis la karbojn...* (Knabo-Fingro); *La edzino de riĉa homo ekmalsanis...* (Cindrulino); *Malriĉa vidvino loĝis en izolita dometo...* (Neĝulino kaj Rozulino); *Patro havis du filojn....* (Fabelo pri unu kiu migris por ekkoni la timon); *Kiam Dio, kreinte la mondon, volis difini la longecon de l' vivo de ĉiuj kreaĵoj, la azeno venis...* (La longeco de l' vivo); *Vidvino havis du filinojn...* (Maljunulino Holle); *Homo havis azenon...* (Bremenaj muzikistoj). *Joĉjo, servinte sep jarojn ĉe sia sinjoro, diris "`Sinjoro, mi volus reveni al mia patrino..."* (Feliĉa Joĉjo). *En tempoj malnovaj migris foje grandegulo sur granda vojo...* (Senditoj de l' morto).
Diference de la "stumbladinta" Ludoviko Lazaro Zamenhof, Kabe neniam uzas artikolecan *unu:* li elplumigis formojn kiel *estis reĝo, estis maljuna kaprino, ... homo, ... malgranda knabineto* ktp. Oni povas trovi en dek kvin komencofrazoj la simplan preteriton de la plej simpla verbo *(estis)*. Mi estas trovinta en du lokoj la verboformon *vivis,* same en du lokoj la simplan preteriton de alia simpla verbo: *havis.* Sekvas, nur po unu-dufoje, verboformoj kiel *okazis, sidis, ekmalsanis, volis (difini), venis, diris, migris.*

En la jaro 1966a aperis tre leginda libro de Julio Baghy, kun titolo: *Ĉielarko* (antologio de fabeloj, originale en verso reverkitaj – laŭ difino de la aŭtoro). Ankaŭ ĝiajn – alitipajn – fabelkomencojn mi trovas citindaj:
*Kara edzo, Alo Dino, kion vi preĝpetas?...* (Dino kaj la edzina ruzo); *En ĝangalo muĝe bruis...* (Mvajnun kaj Nandar); *La laga lazuro lante lulante balancas lotuson lunluman...* (Mewng Ĉiang kaj Van); *Ĉe mara bord' de Estonio, sur Muhu, insulet' proksima...* (Knabinoj de Muhu); *Mahadeva, la pradio, tre tedita de l' nenio post decido kreon ludis: la malpleneon li plenŝutis...* (Mahadeva kaj la unua virino); *Vivis iam aŭ neniam /* diras la fabelo – / *brava, paca kaj sagaca / reĝo en kastelo. / Sur si kronon, sub si tronon / li ja reĝe havis, / ĝis limlando de la lando / lia leĝo gravis...* (Sagaca knabino).

Eble meritas la suban apartan alineon la sekva fabelkomenco:
*Hej, infanoj karaj, nun vin forte tenu, / ek al fablomondo kun mi migri venu! / Ni rapide kuros trans cent montojn, marojn, / retro en la Tempo eĉ pli ol mil jarojn;' / per sepmejlaj paŝoj miaj botoj saltas, / post momento, vidu, ni ĉe celo haltas../* (Uraŝima).
Mi daŭrigu pli strikte: *Pro stelpovo brilas vesto kaj ŝuplando; mi zigzage vagis tra l' mirinda lando* (Zanahari kaj Zatovo). *Kiam la Temp'ne havis nomon, / komencon, fazojn, finon, / la Dio kreis – nigran homon / dirante la destinon* (Kiel fariĝis la

blanka homo?); *Petro estis grasa knabo / kun pomvangoj, dika kapo; post satiĝo li senage / ronke dormis nokte, tage...* (Pigra Petro); *Dun konsiligo en divano / ekstaris grandveziro: / Indulge donu, ho sultano / permeson por foriro!* (Deziro de grandveziro); *En fora foro fabellanda / afliktis reĝon kaj popolon / malica sorĉo, plage granda...* (Minsrelo kun ĉongurio).

En 1970 aperis La sep reĝidoj, fabelo de Béla Balázs. Ĝin tradukis Éva Farkas-Tatár. La fabel-komenca frazo en ĝi estas: *Iam antaŭlonge vivis reĝo kaj reĝino.*

En 1972 aperis rakonto-kolekto *Trans la fabeloceano...* de Francisko Szilágyi (pr. sila:dji). Liaj tekstoj, verkitaj de li sola kaj nomataj de li parte noveloj, parte modernaj fabeloj, imitas, plurrilate, fabelojn popolajn. Jen li transprenas tutan historieton kaj modifas, modernigas nur la rolantojn en ĝi: jen la historio estas biblia aŭ alifonta. La kliŝoj plej ofte estas popolfabelecaj. Memorigas popolfabelojn ankaŭ la simpleco de la stilo tra la tuta kolekto.
Fabelkomencoj de la modernaj fabeloj de Szilágyi estas jenaj:
*Ĉu estis, ĉu ne estis, eble trans la Fabelmaro, estis eta birdo...* (La arbetaĉo kaj la eta birdo). *Ĉu estis, ĉu ne estis, eble trans la Fabelmaro estis tre-tre alta monto, sur la supro de la monto estis tre-tre bela kastelo, la belega kastelo havis tre-tre nigrajn kamentubojn...* (Pri la distra profesoro). *Ĉu estis, ĉu ne estis, eble trans la Fabelmaro vivis kokideto... Ĝi skrapis, skrapadis sur la malpurejo...* (Pri la ruza advokato). *Ĉu estis, ĉu ne estis, trans la granda fabelmaro vivis bona eta knabo, - li estis Adamo kaj bona eta knabino, ŝia nomo estis Evo. Adamo kaj Evo loĝis en la paradizo...* (Adamo kaj Evo). *Ĉu estis, ĉu ne estis... sed pardonu min, ĉi fabelo komenciĝas alimaniere. Ankaŭ la ĉu estis... sekvos, sed nur poste. La afero komenciĝis tiel, ke la eta Georgo ricevis tri brilajn, orkolorajn helerojn de sia paĉjo....* (La vojaĝo de Geoĉjo). *Ĉu estis, ĉu ne estis, eble trans la fabelmaro vivis eta koko kaj kokineto...* (Pri la malsata kokineto). *Ĉu estis, ĉu ne estis, eble trans la Fabelmaro vivis eta birdo...* (Pri la malkontenta eta birdo). *Ĉu estis, ĉu ne estis, eble trans la Fabeloceano estis grandega monto. Sur la monto estis tre alta roko, sur la roko estis seka arbo, sur branĉo de la arbo pendis jupo. La jupo havis sepdeksep faldojn, En unu de la faldoj estis longa letero: sur la letero estis skribita la sekvonta fabelo:* (Bedaŭrinde la fabelo ne estas finita, kvankam mi estus tre scivola pri ĝia fino.) *"Ĉu estis ĉu ne estis, trans la vitromontoj vivis potenca reĝo ...* (Fabelo pri malgaja reĝidino).
El la komencofrazoj de liaj ne-fabelecaj rakontoj, noveloj, mi citu nur du: *La sortotragedio de Florian estas tre melankolia historio... Sed eble vi ne konas mian amikon: Florian estas unu el la plej simpatiaj buboj....* (La sortotragedio de Florian). *La Esperantisto, vojaĝante tra la mondo kompreneble per la plej moderna komunikilo - stratosfera balono - ekvidis en la kapturna alto grandegajn lumliterojn Literatura Mondo!* (Terura vizito)

En la jaro 1983a aperis Ukrainaj popolaj fabeloj de N. H. Andrianova. Ni vidu ankaŭ la komencoj-frazojn de ĉi tiuj fabeloj:
Fabelkomencoj kun la verboformo *vivis*:
*Vivis iam geedzoj kaj havis ili kapron kaj virŝafon....* (Kapro kaj virŝafo); *Vivis iam erinaco....* (Erinaco kaj leporo), *Vivis iam en iu vilaĝo maljunaj geedzoj...* (Kaprino-bravulino); *Vivis iam vulpino kaj gruo...* (Vulpino kaj gruo); *Vivis iam maljunaj geedzoj...* (Rulkuketo); *Vivis iam unu homo...* (La konsiloj de la najtingalo); .*Vivis iam maljunaj geedzoj...* (Anasineto-lamulineto); Vivis iam en iu vilaĝo maljunaj edzo kaj edzino... (Lupa kanto); *Vivis iam maljunaj geedzoj...* (Fabelo pri la tilieto kaj pri la avida virino) *Vivis iam en unu vilaĝo geedzoj...* (La monujo) ; *Vivis iam tri fratoj-orfoj...* (La adopta patro); *Vivis iam geedzoj, kaj havis ili tri filojn...* (La fluganta ŝipo). *Vivis iam en iu vilaĝo mallriĉulo laŭnome Mikola...* (Kiel Mikola estis bovino). *Vivis iam juna viro* (Vivo kaj morto).

Kun aliaj verboj:
*Iris iam maljunulo tra arbaro* (La pugnoganto); *Iam en la arbaro loĝis urso...* (Kiel sciureto helpis al urso). *Iu aglo alkutimiĝis kaptadi la idojn de la juna kuniklo...* (Kiel la kunikloj punis aglon); *Iam, antaŭ longa-longa tempo, alkutimiĝis unu terura drako flugvenadi al iu vilaĝo...* (Ivano Forta mano); *Iam, antaŭ longa-longa tempo, invitis Marto al si gaste Aprilon...* (Kiel Aprilo al Marto veturis).

En la jaro 1983a oni povis enmanigi al si la unuan fojon la volumon *Hungaraj fabeloj de Elek Benedek.* Elektis kaj tradukis ilin *Mária Benczik.* Fabelkomencoj en tiu kolekto estas:

*Iam lupo kaj vulpo vivis en granda, profunda amikeco....* (Lupo kaj vulpo); V*ivis iam maljuna tajloro kiu havis tri filojn...* (La ora bastono); *Ĉu estis, ĉu ne estis, trans sepdek sep landoj, vivis...* (La soldato kaj la tajloro); *Ĉu estis, eble trans la Fabeloceano vivis maljunulino...* (La maljunulino kaj la morto) *Ĉu estis, ĉu ne estis, trans la fabeloceano vivis iam reĝido...* (La filino de la bovpaŝtisto); *Ĉu estis, ĉu ne estis, ie kie la suno subiras, vivis iam reĝo...* (La reĝidino sunsubirlando);
*Ĉu estis, ĉu ne estis... vivis iam juna servisto...* (La rano). *Nun mi rakontos fabelon al vi...* (La brava peltisto).
En 1986 aperis la unuan fojon la kolorbilda libro de Siw Widerberg kaj Cecilia Torudd: *La knabino kiu ne volis iri al la infanejo.* Ĝia komenco estas: *Estis iam knabineto, kiu ne volis iri al infanejo.*

En 1990 en Svidniko el-komputiliĝis fabelkolekto de Doko: *Rakontoj de niaj prapatroj*. La aŭtoro-esperantisto celis krei kvazaŭ deven-legendojn de esperantaĵoj, kaj do li strebis al atmosfero plejeble esperanteca. Jen liaj fabelkomencoj:

*Antaŭ multaj jarcentoj, kiam la mondo estis juna, kaj kiam estis drakoj en Eŭropo, kaj kiam estis gigantoj en Azio, venis ŝipoj el ĉiuj partoj de nia Esperantujo al la ĉefurbo...* (KNA Ĥ O Ĥ Ŝ V E Ŭ P S C E G). *Antaŭ multaj jarcentoj, kiam la mondo estis juna, kaj kiam estis drakoj en Eŭropo, kaj kiam estis gigantoj en Azio. loĝis en nia Esperantujo sorĉisto, kiu nomiĝis Cogo-Hojoso...* (La magiaj povoj de COGO-HOJOSO). *Antaŭ multaj jarcentoj, kiam la mondo estis juna, kaj kiam estis drakoj en Eŭropo, kaj kiam estis gigantoj en Azio, regis nian Esperantujon la fama reĝo Kiko...* (Tri princinoj). *Antaŭ multaj jarcentoj, kiam la mondo estis juna, kiam estis drakoj en Eŭropo, kaj kiam estis gigantoj en Azio, nian Esperantujon vizitis du famaj vojaĝantoj el la orienta lando Kvazaŭĥinio...* (Spagetoj). *Antaŭ multaj jarcentoj, kiam la mondo estis juna, kaj kiam estis drakoj en Eŭropo, kaj kiam estis gigantoj en Azio, nian Esperantujon regis la bona reĝo Kuni I, "La Grandioza", savinto de nia lando en la militoj kontraŭ la drakoj, kaj kontraŭ la gigantoj kaj kontraŭ la najbaraj volapukistoj...* (Igo kaj la reĝino). *Antaŭ multaj jarcentoj, kiam la mondo estis juna, kiam estis drakoj en Eŭropo, kaj kiam estis gigantoj en Azio, la reĝo de nia Esperantujo estis la fama Topiro II, "La Stulta".* (La fratoj Erudi kaj la druida krizo).

Tomasz Chemielik kun Gerd Bussing tradukis kaj Tomasz Chemielik aperigis libron de Peter Bichsel: *Rakontoj por infanoj.* En ĝi oni trovas jen kiajn fabelkomencojn:

*Viro, kiu havis nenion por fari, ne plu estis edzo, havis nek infanojn, nek laboron, pasigis sian tempon, repripensante, kion li sciis...* (La tero estas globa). *Mi volas rakonti pri maljunulo, kiu diras eĉ ne unu vorton pli, havas lacan vizaĝon, tro lacan por rideti kaj tro lacan por koleri.....* (Tablo estas tablo). *Mi havas la historion pri viro, kiu rakontas historiojn.....* (Ameriko ne ekzistas). *Inventado estas profesio, kiun oni ne povas ellerni, tial ĝi estas malofta, verdire ĝi ne plu ekzistas hodiaŭ....* (La inventisto). *Mi konis viron, kiu sciis la tutan horaron parkere, ĉar nur trajnoj vekis ĉe li ĝojon, kaj li pasigis sian tempon en la stacidomo, li vidis la trajnojn alveni kaj forveturi.* (La viro kun memorkapablo). *Pri onklo Jodok mi scias preskaŭ nenion krom tio, ke li estis onklo de mia avo.* (Jodok salutas vin). *Mi deziras nenion plu scii - diris la viro, kiu deziris nenion plu scii....* (La viro, kiu deziris nenion plu scii).

Verdire, la fabelo *Ameriko ne ekzistas* havas pli longan komencon, ol mi tion ŝajnigis. Jen la kompleta komenco:

*Mi havas la historion pri viro, kiu rakontas historiojn. Multfoje mi diris al li, ke mi ne kredas liajn historiojn.*
*- Vi mensogas - mi diris. - Vi blagas, vi fantazias, vi trompas.*
*Tio ne impresis lin. Li plu rakontis kviete, kaj kiam mi kriis: Vi, mensoganto! Vi,*

*blagulo! Vi, fantaziulo! Vi, trompanto!* - *tiam li gapis longe al mi, skuis la kapon, ridetis kun malĝojo, kaj poste li diris tiom mallaŭte, ke mi preskaŭ ekhontis: - Ameriko ne ekzistas.*
*Mi promesis al li, por konsoli, ke mi notos lian historion:*
*Ĉio komenciĝas antaŭ kvincent jaroj sur la reĝa kortego, sur la kortego de la reĝo hispana....* (Ameriko ne ekzistas).

Nu, ni vidis, ke popolaj fabeloj komenciĝadis pli simple kaj pli mallonge.

Kelkfoje parencaj aŭ samfontaj fabeloj havas diferencajn titolojn kaj komencojn: Grimm-Kabe: *Estis iam tajloro, kiu havis tri filojn* (Tablo kovru vin, orazeno kaj bastono el sako); Benedek - M. Benczik: V*ivis iam maljuna tajloro kiu havis tri filojn.* (La ora bastono).
La formulo *Ĉu estis, ĉu ne estis...*, vidita ĉe F. Szilágyi kaj ankaŭ en la kolekto de Mária Benczik, klare, estas provo imiti la hungaran kutiman fabelkomencon *Hol volt, hol nem volt.* (laŭvorte, kaj iom malklare ankaŭ por hungaroj: la partecan demandon pri loko 'Kie estis, kie ne estis' en Esperanto anstataŭas tuteca demando: ĉi tiu propozicio (*Ĉu estis, ĉu ne estis)* eble estas subordita al ia imagata ĉefa propozicio: 'mi ne scias'. La lok-difinoj de Szilágyi (*trans la fabelmaro, trans la Fabeloceano)* imitas la hungaran formulon az *Óperenciás tengeren (is) túl.* Kiel la mezepokaj monaĥoj tradukante malfacilan latinaĵon uzis plurajn hungaraĵojn, ankaŭ Szilágyi prezentis ĉi-okaze du solvojn de unu tasko. Sed li uzis la du formojn alterne, ne en la sama loko.
La fabelkomencoj de Kabe, kiel dirite, estas kortuŝe kaj klasike simplaj, senartikolaj kaj senartifikaj, plej ofte laŭ la modelo *estis/vivis (iam) iu.*

La celo de Doko evidente estis meti en ĉiun fabelkomencan frazon vorton kun la radiko esperant-. Krome li bone imitas tradiciajn, popolfabelajn komenco kliŝojn. Bichsel ofte serioze karakterizas la ĉefan figuron de la fabelo jam en la unua frazo. Malgraŭ kaj preter ĉio, plej bele kaj ŝajne sendepende de rekta modelo povis komenci fabelon Julio Baghy – rememoru la ekzemplon el la fabelo *Sagaca knabino:* ***Vivis iam aŭ neniam*** | – *diras la fabelo* – | *brava, paca kaj sagaca* | ***reĝo*** *en kastelo. Sur si kronon, sub si tronon* | *li ja reĝe havis,* | *ĝis limlando de la lando* | *lia leĝo gravis* |

Post fabelkomencoj – jen (ne la unuan, nek, supozeble, la lastan fojon) mia ŝatata fabelfino: *jen la fino, venu vino!*

**Literaturo**
Andrianova N. H., 1983: *Ukrainaj popolaj fabeloj.* Kiev
Balázs, Béla 1970: *La sep reĝidoj.* Ilustris: Ádám Würtz. Tradukis: Éva Farkas-Tatár.

Hungara Esperanto-Asocio. Budapest.
Benedek, Elek 1983: *Hungaraj fabeloj*. Elektis kaj tradukis: Mária Benczik. Budapest
Bichsel, Peter 1991: *Rakontoj por infanoj (Kindergeschichten)*. Esperantigis: Gerd Bussing, Tomasz Chemielik. Svidniko.
Doko 1990: Rakontoj de niaj prapatroj. *Falsfloraj ekzercoj pri nia lando antaŭ multaj jarcentoj kiam okazadis mirindaj aferoj*. Rakontis: Doko. Redaktis kaj korektis: Tomasz Chemielik. Svidniko.
Grimm, Jacob kaj Wilhelm 1906/1985: *Elektitaj fabeloj*, trad. Kabe ,eldonita de Artur E. Iltis, Sarbrücken
Szilágyi, Francisko 1972: *Trans la fabeloceano*..., Dansk Esperanto - Forlag. Ingemannsvej – 8230 Aabyhoj

# El la landoj kaj sekcioj

## Aŭstralio

### Somer-kursaro, kongreso en Aŭstralio

Inter la 15-a kaj 25-a de januaro 2000 okazos apud la Universitato de Sidney la 16-a Aŭstralia Esperanto Somer-kursaro kaj 3-a Kuna Aŭstralia/Nov-Zelanda Kongreso. La Somer-kursaroj havos malsamajn nivelojn por komencantoj, por mezniveluloj kaj por progresantoj. Dum la kongreso efektiviĝos kunvenoj, prelegoj, prezentadoj, teatraĵoj, muzikoj, la pupteatro de Dennis Murphy kaj multaj aliaj aferoj. Dum la aranĝoj okazos agrablaj ekskursoj al la Nordaj Plaĝoj, Kangarua Valo, Olympia Parko. Pliaj informoj kaj aliĝo ĉe: *S-ro Terry Manley 143 Lawson St, Redfern, NSW 2016, Aŭstralio, rete:* esperfed@ans.com.au

## Finnlando

**Ĉu unika kurso?**

Dum la unua semajnfino en septembro okazis 16-hora fulmokurso por 13-persona entuziasma grupo en arbara nordfinnlanda municipo Taivalkoski. La aĝoj de la grupanoj variis de 10 ĝis 55. La plej junaj studis helpate de siaj patrinoj. La etoso estis unika. La kurson gvidis prezidanto de ELFI, kiu loĝas tro fore por regule instrui. Post novaĵo en Ret-info la grupo jam ricevis kuraĝigajn mesaĝojn el 9 landoj, kaj tial ili decidis daŭrigi memstare per ĉiusemajnaj sesioj. Neniu vera instruisto haveblas, sed retpoŝtan aŭ telefonan helpon ili havas de ELFI. Kiel lernolibrojn ili uzas "Egaleco kaj paco per Esperanto" de L. Forsman, "Ludu kun ni" de E. Formaggio, "Dek Demandoj" de C. Kohrs, spicite de Mazi-filmaĵoj. Ili jam trovis ankaŭ kelkajn retkontaktojn, kio bone instigas ilin. Loka civitana instituto disponigas la klasejon kaj honorarion al la gvidanta membro.

*Raita Pyhälä, prez. de ELFI*

## Pollando

**Korekto**

"Mi afable informas, ke en la raporteton en IPR 99/3 "Polaj E-instruistoj renkontiĝis en Krakovo" enŝoviĝis – ne kulpe de la Redaktoro – neprecizaĵo: la Esperantologian – Didaktikan Konferencon de la Pola Sekcio de ILEI partoprenis ne pli ol 30, sed pli ol 60 personoj".

*Maria Majerczak, sekciestro*

*NdlR – La sekva konferenco okazos la 28-30-an de aprilo, lige kun la renkontiĝo de Interkulturo-klasoj. Detaloj en IPR 00/1. Por havi favorprezan hotelĉambron kontaktu: Lidia Ligeza, ul. Bronowicka 51/2, Pl-30-091 Kraków Tel. (+48-12) 637 60 81, antaŭ la 12-a de januaro.*

**Eldonaĵoj**

# Eŭropa Kalendaro

### instruhelpilo ne nur por la lingvo-orientiga instruado

*[pri LOI kaj la Eŭropa Kalendaro vidu artikolon en IPR 96/3 – NdlR]*

La dua eldono de Eŭropa Kalendaro por la jaroj 1999-2000 aperis en 1998. Sed - kiel konate - ne estas problemo fabriki bonkvalitan varon, sed surmerkatigi ĝin! Kvankam ni jam longe propagandas ĝin diversloke en Esperantujo, vendiĝis proksimume duono de nia stoko. Kvincent ekzempleroj ankoraŭ kuŝas en nia storejo. Ĉiu lingvoinstruisto povus uzi ĝin por klarigi la lingvan diversecon de Eŭropo, por eduki al komuneŭropeco. Ĉiu lernanto povus posedi ĝin por montri al la gepatroj, al la

konatuloj. Ĉiu esperantisto povus havi ĝin por vidi, kiom la Internacia Lingvo similas aŭ malsimilas al aliaj eŭropaj lingvoj, por informiĝi pri la landoj de EU kaj pri neŭtrala lingvopolitiko. Ĉiu neinstruisto kaj neesperantisto povus aĉeti ĝin por ekscii ion eŭrope aktualan.

"Eŭropa Kalendaro" reduktigis sian prezon al 4 eŭroj, pageblaj al UEA-konto aŭ al bankkonto en Germanio. La varon kun la fakturo volonte sendos: *Dr. Vera Barandovská-Frank, Kleinenberger Weg 16, DE - 33100 Paderborn, Germanio. Mendoj ankaŭ telefone: +49-5251-163522, fakse: –163533, rete: bbara1@uni-paderborn.de*

## Kalendaro por la jaro 2000

kun citaĵoj en esperanto pri la Konvencio de UN pri la infanaj rajtoj akceptita en 1989. Ĉiun monaton akompanas ĉarma foto pri infanoj el diversaj partoj de la mondo. La simpla belaspekta, kajerforma kalendaro en grandeco A4 pendigeblas ekzemple super vian skribotablon por ke vi daŭre memoru pri ĝiaj mesaĝoj (inter aliaj): *Artikolo 3 : La bono de la infano ĉiam havu la unuan prioritaton.*
La kalendaron sveda esperantista grupo kreis por apogi la agadon de Pacamanta Esperanto-Rondo en Mwanza, Tanzanio, kie helpe de la enspezoj oni instalos sunenergian kuirilon kaj donas laboreblojn por pluraj esperantistoj.
Mirinda kunlaboro, apoginda projekto. Se ankaŭ vi volas helpi, kontaktu la eldonistojn: *LUNDS ESPERANTOKLUBB, c/o Lange, Bredgatan 27, SE-222 21 LUND, Svedio, aŭ rete: Kalle.Kniivila@sydsvenskan.se*
Bona donaco jarfine por la membroj de via klubo kaj asocio. Unu ekzemplero kostas 5 respondkuponojn (plus 1 por la sendokostoj) aŭ egalvaloran landan valuton.

## PLUPO kaj la gruoj, lupo, ursidoj, la maro kaj la grandarbaro *(recenzo)*

"Plupo estas eta "nevido", kiu povas paroli kun bestoj. (Li estas nevidebla por ĉiuj homoj -krom por vi kaj mi.) Plupo loĝas ie malproksime en la nordo inter altaj montegoj. Tie li havas sian loĝejon, etan torfan kabanon,ĉe la lago La Bluakvo."
La etulo vizitas siajn amikojn en la Marĉolando, kaj faras mirindan vojaĝon kun la **gruoj**; en la **Arbarlando** renkontas ties loĝantojn kaj ekkonas ilian vivon kaj problemojn pro la malapero de la arboj, ja homoj havas ĉion ĉirkaŭ si el ligno. Li vizitas ankaŭ la **maron** per sia floso kaj dum tiu vojaĝo malfermiĝas antaŭ li la naturo de la akvo; en alia libreto li pasigas tutan someron kune kun **ursofamilio** kaj partoprenas ilian vivon. Same instrua estas ĉiuj frazoj de la volumo Plupo kaj la

**lupo.**

La kvin libretoj tradukiĝis en bona esperanto. La simplaj frazoj estas kompreneblaj por infanoj, ĝueblaj je vesperaj enlitigaj rakontoj, eble ankaŭ dumkursaj lecionoj. Multaj bestonomoj, leksiko pri la naturo povas facile enkapiĝi al la infanoj, la rakontetoj edukas al la etuloj la internajn leĝojn de la naturo, ties komprenon kaj estimon. La firma bindado certigas ke la libroj eltenas la oftan trafoliumadon, la belaj ilustraĵoj tion, ke la infanoj volonte faros tion.

La ĉarmaj infanlibroj de Inga Borg, tradukitaj al Esperanto kaj eldonitaj antaŭ pli ol 10 jaroj de la Eldonejo Progreso haveblas ankoraŭ kontraŭ favora prezo.
Mendu la kompletan serion de kvin libretoj nun kontraŭ entute 100 SEK (ĉ. 25 NLG) inkluzive la afrankon ĉe:

**LUNDS ESPERANTOKLUBB, c/o Lange, Bredgatan 27, SE-222 21 LUND**
Aŭ rete ĉe: Kalle.Kniivila@sydsvenskan.se

*Katalin Smidéliusz*

***Ni anoncas la aperon de NOVA LERNILO por la projekto INTERKULTURO:***

# OKULO

Jen abunde ilustrita internacia lernolibro por junaj komencantoj, kun multaj plenkoloraj bildoj. Celataj estas ne nur "Ok-uloj" - sed "uloj" de sesĝis dek. La verko estas tute en Esperanto kaj kuraĝigas dialogadon pere de simplaj frazoj, tuj de la komenco. Unuapaĝe, oni salutas, tuj renkon-tante transitivan verbon kaj la akuzativon: "Li salutas min." La kajero enhavas 280 radikojn, el kiuj 40 estas verboj - transitivaj kaj ne, sed precipe konkretaj kaj aktivaj, (preni -on, levi -on, montri -on, porti -on, doni -on al -o ktp) kies signifon infanoj povas bone ekzerci pere de fizikaj movoj. Ene estas kanto,



poemo, modelaj letero kaj ret-letero kaj komenco de bild-stria serio "Mira - aventuroj de detektivo". Oni renkontas diversnaciajn rolulojn, la kontinentojn kaj komputilojn, esencaj partoj de la interkultura projekto. Prononc-helpiloj troveblas.

La 8-forma figuro "Okulo" estas la gvidanto. Aperas ankaŭ Zumplo: strangforma ekstertera gasto (kun kvar oreloj, kvin kruroj, ses brakoj, *vidu la bildon apude*) Kajero-fine troveblas alfabeta vortlisto kaj enhav-tabelo de bezonataj vortoj kaj prezentitaj strukturoj. Aperos en la komputila biblioteko de la kvazaŭa lernejo "Tibor Sekelj", tabelo kun detala skemo de la libro (gramatiko kaj komunikaj celoj), kune kun suplementaj ekzercoj kaj ideoj por la instruistoj. La libro estas rekomendata kaj speciale verkita por la pli junaj lernantoj en la projekto "Interkulturo".

*Okulo, kajero 1, Stefan MacGill, ILEI, Budapest, 1999. Ilustris Mónika Molnár, kun plen-koloraj pagoj. 22cm. 44p.* Prezo ĉe UEA kaj ILEI: 4,50 EUR. Sesona rabato ekde 3 ekz. La prezo ĉe ILEI inkluzivas surfacajn sendokostojn. Ĉe UEA aldonu 10%. Lernejoj en la projekto Interkulturo ricevas minimume trionan rabaton (prezo: 3.00 EUR) mendante de ILEI. Trionan rabaton ILEI donas al libroservoj kaj al la propraj sekcioj. Skribaj mendoj: ILEI, pf. 193, HU-1368 Budapest, Hungario. Rete: stefan.macgill@galamb.net

# Urso-kurso: La unua kajero *(recenzo)*

La kajero estas A4-formata kaj celas lernantojn inter 6- kaj 10-jaraj. La kovrilo estas el flava plastumita kartono kun tutpaĝa urso. Grandlitera tabelo resumas la 36-paĝan enhavon. Sekvas registro-paĝo, kie kursano kaj tutoro skribu siajn nomojn, adresojn kaj "Urso-numeron". La tria paĝo klarigas en la angla la signifon de simbol-bildetoj uzataj tra la kurso (ekzemple, ke iu teksto estas laŭtlegita sur la akompana sonbendo). Emfazindas, ke tradukoj en Esperanto akireblas por ĉiuj angla-lingvaĵoj en la kurs-materialo. Sube sur tiu paĝo aperas la stel-grupo de la granda urso, kun lokoj alglui ses liveritajn verdajn stelojn por signi sukcesan kompletigon de ĉiu leciono. Bende prezentita kanto ekzistas por ĉiu leciono, iliaj tekstoj aperas sur aparta paĝo.
Aperas prononc-gvido por la vokaloj: "simile kiel en la angla frazo ARE THERE THREE OR TWO" kaj "KAJ rimiĝas kun "EYE" kaj "naŭ" kun "NOW". Je kio mi aldonos, ke ne se aŭstraliano, nov-zelandano, amerikano aŭ nenorma brito eldiras tiujn vortojn! Prefere havu fidindan instruiston aŭ aŭskultu la bendon. *Nun tra la lecionoj:*

**Leciono 1: Koloroj**
Instruaĵoj (18 leksemoj): Saluton, mi estas urso blua, verda la, kaj, (mal)granda.
Kolora presado uzita. Kolore oni elstarigas la adjektivan finaĵon. Liter-kompletigaj kaj krucenigmecaj ekzercoj postulas aktivan uzon de la materialo. Fine aperas la apuda papago, koloriganda laŭ numeroj, kvankam la numer-nomoj ekaperas nur en la sekva leciono.




**Leciono 2: Bestoj**
Instruaĵoj (15 leksemoj): besto-nomoj, substantiva finaĵo, numeroj 1-5. Plurala finaĵo kaj ĝia adjektiva akordigo: "Estas kvar bluaj kaj ruĝaj testudoj".

**Leciono 3: Numeroj**
Instruaĵoj (13): sidas, kuŝas. Numeroj 6-10. Sur, sub. Dom-partoj. Kiom da. Kalkul-ekzercoj. Memor-mapo por dek unu bestoj. Kajero-meze sur kartono estas aro da koloraj eltondeblaj kartoj kun numeroj, koloroj kaj bestoj, taŭgaj por domen-ludado. Poste, la komenco de serio "La Rakonto de Zamenhof".

**Leciono 4: Formoj**
Instruaĵoj (14): jes, ne, ĉu, staras, geometriaj formoj, aŭ, en. Oni devas kolorigi bildojn laŭ instrukcioj, legeblaj kaj aŭdeblaj, poste respondi al jes/ne demandoj. En la formoj, laŭ tangrama maniero, oni povas formi bestojn. Fine, memor-mapo pri la numeroj.

**Leciono 5: La korpo**
Instruaĵoj (22): adjektivoj, de, ĝi, ili, korpo-partoj, vi, desegnu, mia, tre. Laŭ aŭdeblaj/legeblaj instrukcioj, oni devas desegni robotojn, kies korpopartoj estas geometriaj, koloraj kaj grandaj/malgrandaj, longaj, dikaj ktp, elektante la ĝustan formon el kolekto. Identigi beston laŭ korpo-priskriboj. Memor-mapo pri formoj.

**Leciono 6: La familio**
Instruaĵoj (14): parenco-vortoj, -in-, objekto-nomoj, 'de' por indiki apartenon. Ekz: La okulvitroj estas sur la nazo de avino-urso.

*Impresoj?* Grandliteraj tekstoj, malmulta materialo sur la paĝo. Aktiviga, instiga. Eluzas maksimume ĉiujn eblajn kombinojn de koloroj/numeroj/formoj/bestoj ktp. Sed prezentas nur kvar verbojn el 96 leksemoj entute. Strebindas en novaj lerniloj superi 10%. La utilega imperativo aperas nur en unu titolo. La finaj dialogoj (unu por ĉiu leciono, teksto en Esperanto kun angla traduko) uzas pli da verboj kaj elementoj ol estis prezentitaj ne nur en la leciono sed ankaŭ en la tuta kajero (rigardu, vidu, scias, havas -on, desegnis -on, ktp.) donante esperon, ke la postaj kajeroj estos pli verbo-centraj. Dorskovrile aperas atestilo plenskribebla por atesti sukcesan finstudon de la kajero. Utila aldono al nia lernilaro.
*Stefan MacGill*

# ILEI proksimiĝas al la Infanaj kongresetoj

La venonta Internacia Infana Kongreseto okazos en Hadassim, Israelo, samtempe kun la Universala Kongreso, de mardo 25 julio ĝis la unua de aŭgusto. Ĝi sendube estos malpli granda ol la lastaj en Germanio kaj Francio, sed deko da interesiĝantoj estas konataj. Varia kaj alloga programo estas preparata, kun uzo de skeĉoj, rol-ludoj kaj aktorado.
Post deksesjara zorga flegado, retiriĝis Kristoforo Fettes el Irlando el la gvidado de la infanaj kongresetoj. En Berlino, UEA nomis novan respondeculon: Stefan MacGill el Hungario. Tiu, kune kun la respondeca LKK-ano, Gavriel Zeevi kaj aliaj helpantoj, gvidos la programon suroloke.

Hadassim estas 40-hektara junulara vilaĝo kaj lerneja centro 30 km-ojn nord-oriente de Tel Avivo, apud Netanjo. Buso portos la infanojn de kaj reen al la UK-kongresejo, ankaŭ al tut-taga ekskurso kaj vizitoj al la maro kaj al akvo-parko.
La IIK-ejo mem estas internacia lernejo, kun propraj manĝejoj, dormejoj por 550 lernantoj, biblioteko, amfiteatro, gimnastikejo, ekstera infan-ludejo, gardata naĝejo kaj komputila ĉambro. La averaĝa temperaturo estas inter 28 kaj 31 gradoj tage kaj 22 gradoj nokte.

Do, ILEI estos pli proksime ligita al la IIK – ni ekzemple serĉos sinergiojn inter la kongreseto kaj la partoprenantoj de nia projekto "Interkulturo." Ni malfermos hejmpaĝon por IIK, kadre de tiuj de UEA, kie interesiĝantoj povos anonci sin kaj ligos ĝin al la paĝoj de ILEI. Estos tie babilejo por la gepatroj kaj instruistoj kun alia por la infanoj. Aperos freŝaj informoj pri la programo kaj ejo de la venonta(j) IIK.

Aperos raportoj kaj bildoj de antaŭaj kongresetoj, kaj aliro al taŭga leg-materialo kaj aktivaĵoj. Gepatroj aŭ instruistoj kun E-parolantaj infanoj inter 6- kaj 13-jaraj bonvolu anonci sin, por ricevi aliĝilojn kaj informojn, ĉu elektronike, ĉu papere. (Ret-)adreso sur la dua kovril-paĝo.

*Stefan MacGill*

# Milenian donacon al estontaj esperantistoj!

ILEI semas diligente kaj venas ĝermoj kun gaja krio: "*Saluton! Mi parolas Esperanton!*" Ni devas prizorgi ilin.
Donacon vi povas sendi al la konto "pike-b" ĉe UEA (por Interkulturo) aŭ al la kasisto de ILEI (por Infankongresa kaso), *Boo Mee Kim-Lindblom, Stenbockens gata 102, SE-136 62 Haninge, Svedio, Sveda postĝirkonto: 682117-7.*

*Boo Mee Kim-Lindblom,*
*La kasisto de ILEI*

# Donacoj al fondaĵoj

Dum la jaro 1999 ILEI ricevis donacojn por diversaj fondaĵoj kaj kasoj de pluraj personoj kaj grupoj. ***Ni korege dankas la donacintojn:***

**Fondaĵo Szerdahelyi:**
Sylvia Hämäläinen (Finnlando )
*Entute: EUR 18,20*

**Koleghelpa kaso:**
Jennifer Bishop (Aŭstralio), Hans ten Hagen (Nederlando), Bill Maxey (Usono), Lawrence Mee (Britio), Partoprenantoj en loterio
*Entute: EUR 124:64*

**Konferenca kaso Dazzini:**
Ron Glossop (Usono), Hans ten Hagen (Nederlando), Kaltagiruna E-grupo, Luise kaj Vittorio Madella, Esperantisti Veronesi, Guiliana Bastogi Rosocci, Gruppo Esperantista Massese, Itala Esperanto Federacio (Italio)
*Entute EUR 385:08*

**Projekto Interkultura Edukado:**
Raita Pyhälä, ELFI, Finna sekcio de ILEI (Finnlando), Maŭro La Torre (Italio)
*Entute EUR 336:03*

*Bertil Andreasson, la (eks)kasisto de ILEI*

## E-INS = Esperanto-Instruado

Malfermiĝis nova retpoŝta diskutejo pri Esperanto-Instruado (mallonge: E-INS) kun cento da partoprenantoj.

***La diskutlisto precipe celas helpi la partoprenantojn, por:***
- ekkoni la homojn, kiuj iel okupiĝas pri instruado de Esperanto (instruantoj, aŭtoroj de lernmaterialoj, kurs-organizantoj, didaktikistoj, lingvistoj, edukistoj, edukfakuloj);
- renkonti profesiajn instruistojn kaj instrufakulojn, kiuj konas Esperanton, kaj interesiĝas pri ĝia enkonduko en la lernejaj sistemoj;
- publike diskuti pri la diversaj aspektoj kaj problemoj, kunligitaj kun E-instruado (edukceloj, motivigo, instruplanoj, rimedoj, lernotaksado, ktp.);
- aparte priatenti pri la rolo la Internacia Lingvo en lernejaj institucioj, en la teknologiaj, instrusistemoj, kaj ĝenerale ĉe edukinstancoj;
- konkrete pritaksi la ekzistantajn lernilojn por la I.L. kaj pridiskuti la ecojn de eventualaj dezirindaj aliaj lernorimedoj;
- kontribui al interlanda kunlaborado, ankaŭ per planado kaj realigo de plurnaciaj lernejaj (kaj universitataj) projektoj.

Sugestata diskuttemaro legeblas ĉe: http://lps.uniroma3.it/eins/diskuttemaro.htm
La nova diskutejo gastas en la Pedagogiscienca Laborejo de la Tria Roma Universitato. Interesatoj povas peti anigon.

## ILEI-paĝaro en la reto

En la lastaj tempoj niaj materialoj konsulteblaj en Interreto ade kreskas. Por faciligi nian memoron, ĉiam pli ŝarĝita per diversspecaj komputilaj adresoj kaj pasvortoj, ni kunigis ĉiujn TTT-paĝojn nin-koncernajn en unu sola servilo, ĉe Pedagogiscienca Laborejo (lps) de Tria Roma Universitato. Tajpante ĝian adreson, http://lps.uniroma3.it, vi povas - tra la menuoj - atingi ĉion (ILEI, E-INS, E-LER, IK). Sed, se vi preferas, jen la rektaj adresoj de la unuopaj paĝaroj:
– pri ILEI: http://lps.uniroma3.it/ilei
– pri diskutlisto E-INS ("Esperanto-Instruado"): http://lps.uniroma3.it/eins
– pri adresaro E-LER ("Esperanto en lernejoj"): http://lps.uniroma3.it/eler
– "Projekto Interkulturo" (Kvazaŭlernejo "T. Sekelj"): http://lps.uniroma3.it/kler

Cetere, se iu ILEI-sekcio ekhavis/os sian TTT-paĝon (ni jam scias delonge pri la finna kaj la brita), bonvolu informi nin, por ke ni ligu ĝin al la internacia paĝaro.

*Maŭro La Torre (prezidanto de ILEI)* <m.latorre@uniroma3.it>

# Urĝega alvoko!!!

Pro la lastatempa demisio de ILEI-sekretario Atilio Orellana Rojas, necesas trovi novan sekretarion kiel eble plej baldaŭ! Tiurilate la Elekto-Komisiono petas vian tujan helpon. Bonvolu komuniki antaŭ la 31-a de decembro 1999 al Doroteo Holland (ret-poŝte 72644.2450@compuserve; helik-poŝte 5140 San Lorenzo Dr., Santa Barbara CA 93111-2521 Usono) viajn sugestojn por kandidato(j) por tiu posteno, kies **ĉefaj taskoj estas:**

- Pretigi tagordojn por kunsidoj de la komitato kaj estraro.
- Protokol(ig)i tiujn sesiojn kaj senprokraste distribui la rezultojn.
- Administri la membraron kaj komitaton de la Ligo, liverante ekspedo-listojn por IPR.
- Administri la liston de estraranoj, sekcioj kaj reprezentantoj, ĝisdatigante tiujn informojn por IPR.
- Verki aŭ kompili la jarraportojn de la Ligo
- Respondi aŭ redirekti poŝton venanta al la Liga adreso kaj solvi problemojn de la membroj kaj sekcioj.

**Tiu sekretario prefere havu la jenajn kapablojn:**

- ✓ Kapablo labori precize kaj akurate.
- ✓ Kapablo ĉeesti la konferencon kaj estrar-kunsidojn;
- ✓ Esti dum la plimulto de la jaro atingebla en fiksa aŭ konata loko.
- ✓ Kapablo uzi komputilon por korespondado kaj administrado, kun ret-konekta aliro.

Laŭ la ĝeneralaj kondiĉoj de estraraneco, oni repagos la vojaĝ- kaj restad-kostojn por unu estrarkunsido, kaj la kostojn plenumi la taskaron, kondiĉe ke tiuj falas ene de la Liga buĝeto.

*Doroteo Holland,*
*Estrino de Elekto-Komisiono*

# 34-a ILEI-KONFERENCO

## ESPERANTO-CENTRO KVINPETALO
## FR- 86410 Bouresse, FRANCIO

**Konferenca programo**

La Temo: *Lingvo-lernado serve al interkultura edukado*. Informoj pri la enhavo de la programo aperos en IPR2/00 Intertempe prelegproponoj estas avide invititaj. Unue bonvolu kontakti Jennifer Bishop, ĝis la 15-a de januaro ĉe 20 Park House Gardens, E. Twickenham, TW1 2DE, Anglio; daŭre e-poŝte: esperanto@education.monash.edu.au

**Dum la Konferenco okazos 'C' Seminario** kaj diplomiga ekzameno por fariĝi Cseh-instruisto. La interesitoj povas ricevi pli da informoj ĉe *Internacia Esperanto Instituto, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando: telefono + 31 70 355 66 77. Fakso: +31 70 358 44 22, <iei001@worldonline.nl*



*Surfote: grupo de (eks)estraranoj dum la 33-a Konferenco (C.D.Lorenzi, A.O.Rojas, S.MacGill, B.Andreasson, B.M.Kim-Lindblom, J.Bishop, M.L.Torre) NdlR: la rezolucio de tiu konferenco estas tradukita al la franca, itala, korea, litova kaj rusa. Tiujn tekstojn povas disponigi laŭpete la Prezidanto de ILEI.*

# MENDILO POR LA 34-a ILEI-KONFERENCO

***Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj***

**34a ILEI-Konferenco**
**15a - 21a de julio 2000**
**Esperanto-Centro**
**KVINPETALO, Francio**
**konferenca numero:**

Temo: *Lingvo-lernado serve al interkultura edukado*

Ĉiu aliĝanto uzu apartan aliĝilon, fotokopion aŭ samformatan paperon. Bv tajpi aŭ skribi preslitere.

FAMILIA NOMO.......................................................VIRO/VIRINO
(por alfabeta ordigo) (forstreku unu)
PERSONA(J) NOMO(J)....................................................................
ADRESO (nacilingve en latinaj literoj kun poŝtkodo)..................................
..........................................LANDO......................................
TEL. No. (kun prefikso)..................................................................
PROFESIO/FAKO............................................................................

Mi aliĝas kaj akceptas la kondiĉojn de ĉi tiu aliĝilo.

DATO............................SUBSKRIBO..........................................

---

La kotizoj kaj pagoj por loĝigo estas pagendaj al la ILEI-Kasisto laŭ jenaj vojoj:

**a)** al ILEI-Konto ilek-a ĉe UEA: indikante: 'ILEI-Konferenco'
**b)** al poŝtĝirkonto Nol 68 21 17-7, Stokholmo, Svedio, nome de "ILEI"
Bv aldoni EUR 5 por bankaj kostoj
**c)** per via banka konto al la antaŭa adreso. (+ EUR 5 por bankaj kostoj)

Por elekti la ĝustan kotizon, bonvolu atente legi la sekvajn klarigojn:

| *kotizaj validaj:* | *ĝis 00 03 31* | *ĝis 00 06 30* | *ekde 00 07 01* |
|---|---|---|---|
| | *1-a periodo* | *2-a periodo* | *3-a periodo* |
| *aliĝkategorio:* | A/B | A/B | A/B |
| 1. *Membro de ILEI* | 15/13 | 18/15 | 20/17 |
| 2. *Ne ILEI-ano* | 19/16 | 22/19 | 26/22 |
| 3. *Junulo, handikapulo* | 12/10 | 15/12 | 17/14 |

Informoj pri loĝado, manĝado kaj ekskursoj ktp. aperas dorsflanke. Bonvolu samtempe mendi tiujn.

**Loĝeblecoj**. La partoprenantoj havos kvar loĝeblecojn: en dividita ĉambro: ĉe Kvinpetalo mem, en dividita ĉambro ĉe vilaĝanoj, ĉe hotelo je 6 aŭ 12 km for de Kvinpetalo aŭ ĉe la tendumejo (prezoj de la du lastaj estas anoncotaj en IPR 1/00). La prezoj estas indikitaj en Eŭroj. Tranokto: 19 EUR/nokto. Manĝoj: 22 EUR/tago. (Estas kalkulita por partoprenantoj dum la tuta Konferenco, ses vespermanĝoj, 6 matenmanĝoj kaj kvin tagmanĝoj.)
Tuttaga ekskurso al FUTURSCOPE inkluzivas tagmanĝon (32 EUR).

FUTURESCOPE estas giganta altteknologia temparko situante 8 km norde de Poitiers. Ĝi provizas kolekton de kvazaŭaktualaj veturoj kiuj altiras la spektantaron en la agon sur la ekrano, tiel ke oni havas la senton flugi, esti fulme ĵetita laŭ skideklivo aŭ kvazaŭ katapultita tra la sunsistemo dum vertiĝindukta 3-D koŝmaro. Ne rekomendita por tiuj kun malforta temperamento.
La futurismaj kinejoj kuŝas en pluraj hektaroj de verdaĵo ĉirkaŭ serio de lagoj. Por viziti ĉiun el la 15 ekranoj necesas sufiĉe multe marŝi. Krom la filmoj, ĉiuj en la franca, troviĝas ankaŭ laserdistraĵo, 'La Symphonie des Eaux', spektaklo de muziko, koloro kaj efektoj enfokusigitaj en la dancantaj fontanoj.

Pli da detaloj estos riceveblaj post januaro de la ILEI-Kasistino, Boo Mee KIM LINDBLOM kaj de la estraranino respondeca pri konferencoj, Jennifer BISHOP.

LOĜADO: Mi mendas loĝadon en la sube signita kategorio ekde la .................. ĝis la................ de julio. La prezo estas indikita en Eŭroj por unu persono kaj por unu nokto.
Bv. striketu la mendatan kategorion: 1/2/3/4

1. Lito ĉe Kvinpetalo/ĉe esperantistoj en la vilaĝo............................19 EUR
2. Lito ĉe vilaĝanoj neesperantistoj (prefere por francparolantoj)..... 19 EUR
3. Hotelo 6-12 km for de Kvinpetalo, (prezoj haveblaj komence de februaro)
4. Tendumejo en Bouresse, (prezoj por persona tendo aŭ surloka karavano haveblaj komence de februaro)

Ekskurso al 'Futurscope'.......................................................32 EUR.
Mi mendas manĝadon: *Jes/ne*
Vegetarano (klarigu se dezirata):.................................................................


**REDAKCIAJ INFORMOJ**

**Respondeca eldonanto** (verantw. uitgever): R. Wylleman, A. Vermeylenstr. 65, BE-8400 Oostende. **Presado:** Flandra Esperanto Ligo, Frankrijklei 140, BE-2000 Antwerpen, ☎: +32-3-234 34 00.
**Redaktejo:** Németh József, HU-8531 Ihász, Fő u. 41/5. 🖃: *nlalt@konyvtar.c3.hu* (redaktoro), *smidik@fsd.bdtf.hu* (vicredaktoro). Ni ambaŭ povas akcepti faksojn per komputilo, sed avertu nin telefone antaŭ ol vi faksas. ☎: +36-89/ 356-050 aŭ 315-836 (red.) kaj +36-94/ 320-313 (vicred.).
La nunan numeron ni sendis al la presejo la 16-an de novembro 1999, **redaktofino por la sekva numero: la 15-a de januaro 2000.**

# SEKCIESTROJ de ILEI

**Albanio**: Bardhyl Selimi, Rr. Maliq Muco, Pall. 50, ap. 3, AL-Tirana

**Argentino**: Teresita Alaníz, El Ombú s/n, AR-5801 Alpa Corral

**Aŭstralio**: Jennifer Bishop, 39 Hill Street, Hawthorn, Victoria AU-3122 🖳: *esperanto@education.monash.edu.au*

**Belgio**: Raymond Wylleman, A. Vermeylenstr. 65, BE-8400 Oostende

**Brazilo**: Elvira Fontes, Rua Machado de Assis 243, ap. 11, BR-04106-010 Sao Paulo (SP)

**Britio**: Malcolm Jones, 1 Regent Avenue, Skipton, GB-North Yorkshire BD23 1AZ

**Ĉeĥio**: Jana Melichárková, CZ-696 02 Ratíškovice 938 🖳: *mmelicharek@iol.cz*

**Ĉinio**: Zhang Danchen, General Foreign Languages Dept., 29-34 North Part, Huazhong Normal University, CN-430070 Wuhan 🖳: *zdchen@public.wh.hb.cn*

**Finnlando**: Raita Pyhälä, Jykyrintie 3, FI-69440 Lestijärvi, 🖳: *raita.pyhala@lestijarvi.fi*

**Francio**: Marie Malezieux-Hunninck, Grand rue, FR-86410 Bouresse

**Germanio**: Michael J. Scherm, Von Thürheimstr. 47, DE-89264 Weissenhorn

**Hungario**: József Németh, Kilián ltp. 75/9, HU-8500 Pápa 🖳: *nlalt@konyvtar.c3.hu*

**Irano**: Hamzeh Ŝafii, P.O. kesto 17765-184, IR-Teheran 🖳: *ilei.ir@esperanto.org*

**Italio**: Maŭro La Torre, Viale Bardanzellu 117, IT-00155 Roma 🖳: *m.latorre@uniroma3.it*

**Japanio**: Masumi Suzuki, Inokashira 3-5-12, Mitaka-shi, Tokio, JP-181-0001

**Katalunio**: Pedro M. Martin Burutxaga, Ctra. Estació 2 A-5-2, ES-17300 Blanes, Hispanio 🖳:*pmarti10@pie.xtec.es*

**Kroatio**: Ivan Bekavac-Basić, Kuŝlanova 59, HR-10000 Zagreb

**Kubo**: H. Jiminéz, Apartado 5120, CU-10500 Ciudad de la Habana 🖳: *kubesp@ip.etecsa.cu*

**Nederlando**: Hans ten Hagen, Middenweg 587, NL-1704 BH Heerhugowaard 🖳: *ten.hagen.esperanto@wxs.nl*

**Norvegio**: Björn Thuv, Aröyveien 33, NO-3135 Torod 🖳: *bthuv@c2i.net*

**Pollando**: Maria Majerczak, ul. Armii Krajowej 7, m. 122, PL-30 150 Krakow

**Rumanio**: Prof. Popa Florica, Str. Eroilor 29, ap.7. RO-1900 Timisoara

**Rusio**: Irina Gonĉarova, Moloeznaja 38-10, Odincovo 2, Mosk. obl. RU-143000 🖳: *ab2928@mastak.sitek.ru*

**Svedio**: Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-24294 Hörby 🖳:*bertil.andreasson@horby.mail.telia.com*

**Svislando**: François Randin, Str. Vallombreuse 14, CH-1004 Lausanne 🖳: *ilei.ch@esperanto.nu*

**Togolando**: Attiogbe-Agbemadon B., Mensah, T. I. E. To, B.P. 13169, Lome-TOGO, 🖳: *esp.togo@cafe.tg*

**Usono**: Doroteo Holland, 5140 San Lorenzo Dr, Santa Barbara, CA 93111-2521 (US) 🖳:*72644.2450@compuserve.com*

# REPREZENTANTOJ de ILEI

**Armenio**: Lida Elbakjan, Moldovakan 26/2, kv. 52, AM-375062 Erevan

**Bosnio kaj Hercegovino**: Nimeta Kulenoviĉ, Branica Sarajeva 15/V, BA-71000 Sarajevo

**Ĉilio**: Héctor Campos Grez, Casilla 231, Curicó, CL-Séptima Región 🖳:*strigo@ctcreuna.cl*

**Danio**: *vakas*

**Estonio**: Helgi Hromova, Pk. 94, EE-3053 Keila

**Hispanio**: Pedro M. Martin Burutxaga, Ctra. Estació 2 A-5-2, ES-17300 Blanes 🖳:*pmarti10@pie.xtec.es*

**Islando**: Loftur Melberg, Skolabraut 1, IS-220 Hafnarfjördur

**Israelo**: Murĵan Josef, P.K. 1289, IL-61012 Tel-Aviv

**Jugoslavio**: Radojica Petrovic, Bul. Oslobodjenja 36, YU-32000 Cacak 🖳: *radp@emi.yu*

**Kongo**: Ngangu Nduantoni-Bakidila, B.P. 13, CG-Lukala (Bas-Zaïre)

**Kostariko**: Hugo Mora Poltronieri, Apartado 4981, CR-1000 San José 🖳: *miaumiau@pop.racsa.co.cr*

**Koreio**: So Ĵin Su, Dept. de Ekonomiko, Universitato Kang-nam, Kugali Kihung-up, Yon-gin-gun, Kyonggi-do KR-499-900 🖳: *so@kns.kangnam.ac.kr*

**Litovio**: Algimantas Piliponis, Karolinisiu 3-93, LT-2044 Vilnius

**Nov-Zelando**: Gwenda Sutton, 12C Herbert Gardens, 186 The Terrace, NZ-Wellington 1 🖳:*Sir_Lancelot@compuserve.com*

**Portugalio**: João Jose Santos Rua da Escola, lote 57 - r/c esq Vale Grande, PT-1675 Pontinha

**Slovenio**: Marija Zlatnar-Moe, Miliĉinskega 66, SI-1000 Ljubljana. 🖳:*Marija.Zlatnar@guest.arnes.si*

**Ukrainio**: Svetlana Fedotova, P.O. Kesto 88, UA-253222 Kiev

**Uzbekistano**: Eugeno S. Perevertajlo, Ab. kesto 140, UZ-700000 Taŝkent, CIS 🖳: *eugeny@esper.gimli.com*

**Venezuelo**: Prof. J.E. Bachrich, Apartado VE-70782, Caracas 1071 A

## LABORKOMISIONOJ

**Ekzamena:** Atilio Orellana Rojas (prezidanto), Hans ten Hagen (sekretario de elementa kaj meza niveloj)

**Elekta:** Doroteo Holland *(adr. kovr. 3),* Agneta Emanuelsson, Gwenda Sutton

**Kontrola:** Bertil Andreasson, Märtha Andreasson, Bo Sandelin

**Lerneja:** Marija Beloŝeviĉ, Jennifer Bishop, Renato Corsetti, Stefan MacGill, Géza Kurucz, Maŭro La Torre, Raita Pyhälä

**Regulara:** Rob Moerbeek, Hans ten Hagen

**Terminara:** Maŭro La Torre

## KUNLABORANTAJ INSTITUCIOJ

**IEI:** Internacia Esperanto-Instituto, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando

**UEA:** Universala Esperanto-Asocio, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando

**UNESKO** (*en operaciaj rilatoj*). Reprezentanto de ILEI: François Lo Jacomo, 42 quai de la Loire, FR-75019 Paris, Francio

## MEMBRIĜO AL ILEI KAJ PAGADO POR ALIAJ SERVOJ

ILEI estas jure registrita ĉe la komerca ĉambro en Den Haag sub numero 27.181.064.
La membreco inkluzivas ricevon de kvar numeroj de IPR jare. Turnu vin al via landa sekcio, kiu fiksos kotizon en via propra valuto. Por pagi rekte al la internacia ILEI, skribu al la kasisto.

**Kasisto de ILEI:** Boo Mee Kim-Lindblom, Stenbockens gata 102, SE-136 62 Haninge; tel. (+46 8) 777 4175, <boomee.kimlindblom@swipnet.se>, postĝirkonto: 682117-7.

Membro-kotizoj: A-landoj (laŭ UEA-divido): 14 EUR, B-landoj: 8 EUR. Simpla abono sen membreco: 18 EUR.

Pro altaj banko-kostoj, evitu bankĉekojn kaj eĉ internaciajn poŝtoĝirojn; taŭge plenumita Eŭroĉeko plej bonas. Alia pagmaniero estas al UEA: **UEA**, Nwe. Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, pĝk 37 89 64. UEA akceptas kredit-kartajn pagojn. Klare indiku la celon de la pago. Kontoj ĉe UEA: ilek-a (ĝenerala), juna-l (Juna amiko) kaj pike-b (Projekto Interkulturo). Detala listigo de pagmanieroj al UEA aperas sur p. 37 de Jarlibro 1999. Prefere informu senpere la kasiston de ILEI pri la enpago.

## Interreto

http://lps.uniroma3.it/ilei *Bazaj informoj pri ILEI kun ligoj al aliaj paĝoj*
http://lps.uniroma3.it/eins *La diskutejo E–INS pri Esperanto-instruado*
http://lps.uniroma3.it/eler *Tabelo de Esperanto en lernejoj (E-LERnejoj)*
http://lps.uniroma3.it/kler *Kvazaŭlernejo "Tibor Sekelj" por la Projekto Interkulturo.*
www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto, junaamiko@esperanto.nu *Juna Amiko*
www.hungary.net/esperanto/tend-tag.htm *Tendaraj Tagoj (angla priskribo)*